XXIVa jaro. N° 330 [2] • Monata • Februaro 1928

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redakcio : D-ro Edmond PRIVAT, Prezidanto & Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

REDAKCIO : *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*

*Lasta dato por ricevo: la 1-a de ĉiu monato.*

*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 3.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio : 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |


ENHAVO



## Esperanto en aliaj Kongresoj

Kial ni komencis la somer-universitatojn kaj la teknikajn konferencojn ? Ĉar ni deziris ke Esperanto servu en aliaj sferoj ol pure esperantistaj. Kiom da fojoj ni aŭdis tiun demandon : en kiaj krongresoj esperanto estas uzata krom en siaj propraj ? Pri kio vi parolas en ĝi, krom pri ĝi mem ?

Ĉiuj infanoj komencas la vivon zorgante nur pri si mem. Necesas unue ke ili stariĝu kiel vivantaj estaĵoj.

Same Esperanto. Ĝi devis unue viviĝi. Kvaroncentjaro faris tion.

Nun la lingvo funkcias nediskuteble. Ĝi estas riĉa je spertoj. Ĝi travivis multon. Ĝi akiris vastan adeptaron kaj esprimis milionfoje ne nur ideojn, sed sentojn. Miras la eksteruloj, kiam ili vidas aŭdantaron ekridi au kortuŝiĝi je spritaĵo aŭ alvoko de esperanta parolanto. Ĝi do estas tute ne seka, sed viva, ili konstatas.

Ĉie esperanto jam atingas la kvaran lokon inter lingvoj uzataj en internacia vivo, tuj post angla, franca kaj germana. Sed ĝia rolo grandiĝas ankoraŭ de tago al tago en la parola uzo. Multaj homoj legas angle aŭ france. Paroli ili apenaŭ povas. Paroladi eĉ malpli.

Ĉie la internaciaj kongresoj plimultiĝas kaj samtempe malfaciliĝas. La du aŭ tri tradukoj, la miskomprenoj, la tempoperdo, la konfuziĝo, evidentiĝas ĉiufoje, eĉ ili kreskas. Kial? Ĉar la mondo demokratiĝas. En internaciaj kunvenoj partoprenas hodiaŭ ne nur ambasadoroj lernintaj anglan aŭ francan dum jaroj en Londono aŭ Parizo, sed praktikaj homoj el teknikaj rondoj, lertaj en sia fako, sed malpli spertaj pri lingvoj. « Ni devas elekti inter ambaŭ, konfesis japana scienculo, ĉar la vivo estas tro mallonga. » Oni ekrigardas al Esperanto. La sperto de la Praha Konferenco pri paceduko kaŭzis iom da bruo en internaciaj rondoj. Esperanto kiel sola traduklingvo aperas kiel ebla solvo transira. Se ni sukcesus okazigi dek similajn en venontaj du jaroj, la ekzemplo disvastiĝus sufiĉe rapide.

La mondlingvan ideon neniu plu ŝatas pridiskuti. Oni volas vidi, sperti. Tute prave. Sur alia paĝo (38) ni informas pri la diversaj kongresoj uzontaj esperanton dum ĉi-tiu somero. Estas ĉefe idealistaj. Tute nature. La ceteraj sekvos. Sed ĉu ni estas pretaj ?

Por traduki, oni bezonas tradukistojn. Se ili malbone laboras, la spertoj malsukcesus kaj la famo de nia lingvo suferus. Jen nova tasko por niaj institutoj, grupoj, superaj kursoj. Ni preparu lertajn tradukistojn de paroladoj. Ni faru konkursojn en niaj kunvenoj !

*Edmond Privat.*

P. S. — Nia lasta ĉefartikolo kompreneble aludis neniun akademianon. Kontraŭe ni esperas eĉ anonci baldaŭ feliĉan ordigon de la malkonsento landoma.

## SOCIA VIVO

# Pri milita " sekureco „

de *Liang-ĉu-vaj.*

La vorto « sekureco » fariĝis laŭmoda. Ĉe Ligo de Nacioj oni konstante parolas pri Senarmigo, Arbitracio kaj Sekureco. Ĉiuj planoj pri redukti armeojn malsukcesis, ĉar oni volis unue ricevi garantiojn pri Sekureco. « Eĉ ekestas opinio popola, diris delegito en Ĝenevo, kiu suspektas sub tiu vorto — sekureco — novan pretekston por ne senarmiĝi. »

Krome, kion entenas vere la vorto ? Estas fakto, ke multaj homoj tute sinceraj, eble eĉ la plimulto, timas ke ĝenerala senarmigo alportus al ilia lando malsekurecon.

Interese estas iom observi la vivon de homoj en civilizitaj urboj laŭ tiu rilato kaj poste kompari societon de nacioj kun societo de individuoj. Unue ni rimarku tion ĉi : en nuna Ĉinujo la malsekureco de la loĝantoj devenas ĝuste el la ekzisto de armeoj kaj armiloj en diversaj manoj. Unu el la grandaj kaŭzoj de malkontenteco kontraŭ eksterlandanoj estas ĝuste ilia konstanta komercado de armiloj al diversaj generaloj.

En eŭropa urbo, ni diru ekzemple nederlanda, ekzistas nun preskaŭ plena sekureco. Oni ne portas armilojn. Oni plej ofte eĉ tute ne havas iajn en domo. Oni tute ne timas atakon en stratoj. Multe pli oni timas aŭtomobilan akcidenton.

El kio devenas tiu ĝenerala sento pri « sekureco » ? Unue ĝuste el la neekzisto de armiloj ĉe la najbaro kaj ankaŭ ĉe si mem. Maltrankvile oni dormus kun ŝrankoj plenaj je pafiloj kaj bomboj aŭ sciante pri simila armilejo ĉe apuda loĝanto.

Poste el la kutimo. Sekureco estas ne nur sento, sed kutimo. Paco en la stratoj estas kutimo. Atako, pafo, krimo estas eksterordinara okazaĵo tre malofta escepto kaŭzanta ĝeneralan skandalon, miron, indignon.

Antaŭ cent jaroj la individuoj kutimis dueli. La nobeloj solvis per spada batalo siajn interpersonajn aŭ inter-familiajn konfliktojn. Nun oni iras al pacjuĝisto. Kutimo kaj leĝo igas tion tute ordinara. Eĉ oni progresis unu ŝtupon pli : oni klopodas interpaciĝon rektan, ĉu per amikoj, ĉu per ambaŭ advokatoj, por eviti proceson. Edukado efikis.

Kaj la polico ? Ĉu ĝi ne estas ankaŭ elemento de sekureco ? Jes, kompreneble, sed malpli grava ol la ceteraj. Ĝi estas utila por konservi ordon en stratoj, kontroli la trafikon de veturiloj, aresti ebriulon aŭ krimulon, sed per si mem ĝi absolute ne povas garantii la sekurecon. Mil foje vi povas esti mortigata en strato aŭ teatro antaŭ ol alvenus policano. Eĉ la rusaj imperiestroj, havante ĉiam ĉirkaŭ si la plej fortan kaj multnombran policon, vivis en konstanta malsekureco kaj ĝenerale pereis per mortigo. Tio pruvas ke la ceteraj elementoj de sekureco estas eĉ pli gravaj kaj certaj.

Ni nun ekzamenu ilin transirante al internacia vivo, t. e. al societaj rilatoj, ne plu inter individuoj, sed inter ŝtatoj, regnoj, organizitaj popoloj.

*Eduk̂ado, k̂utimo.* — Nu, tie vi tuj vidas, ke la internacia vivo malfruas almenaŭ je unu centjaro je la enlanda. Inter regnoj la kutimo estas ankoraŭ milito, malfido, armado, kaj la edukado kontraŭa apenaŭ komencas. Ni staras ankoraŭ en periodo de dueloj.

*Leĝo. Tribunalo. Pacjuĝejo. Rek̂ta interpaciĝo.* -- Ankaŭ tio estas nur en komenco. Internacia juro apenaŭ ekzistas. Ligo de Nacioj fondiĝis en 1920 kaj starigis la Hagan Tribunalon en 1922. Sin tenas for ankoraŭ Usono, Sovetaj Respublikoj, Turkio pro diversaj kaŭzoj. Tamen iom da kutimo ekestas. En Hago estis juĝataj jam kelkaj procesoj inter gravaj ŝtatoj. El Ĝenevo la interveno de la Ligo haltigis unu militon (greko-bulgaran) kaj evitis eble du aliajn per solvo de konfliktoj.

Kvankam tre malperfekta, kvankam ankoraŭ tro regata de la grandpotencoj, tamen la Ligo kreas atmosferon dank' al kreskanta alproksimiĝo kaj influo de la malgrandaj regnoj. Eĉ la oftaj renkontoj inter potencaj ŝtatistoj utilas iom al paco. Interparolo inter Litvinoff kaj Chamberlain forigis kelkajn falsajn ideojn eble ambaŭflanke. Kreiĝas iom post iom internacia societa humoro malfavora al milito.

Eĉ la plej pesimistaj homoj sentas, ke estus pli malfacile hodiaŭ ol en 1914 deklari militon. Ekvivante pli en societo, kunvenante pli ofte, dependante pli ol antaŭe unu de la aliaj, la ŝtatoj eksentas ian ĝenon pri milito. La afero fariĝis jam pli riska, pli danĝera politike ol antaŭe. Tiun « atmosferon » ankaŭ forte influas la unuanima popolopinio de laboristaj rondoj, ĉie malfavoraj al milito, kaj ĉie gajnantaj pli da premo-povo.

Kun ĉiu nova jaro sen milito, kun ĉiu nova konflikto pacigita en Ĝenevo aŭ Hago kompreneble pli fortiĝos la packutimo kaj samtempe la edukado, sed la vojo estas longa kaj la ekonomiaj kaŭzoj de milito restas ankoraŭ ne forigitaj (1).

*Armiloj ĉe si k̂aj la najbaroj.* — Ankaŭ tie la internacia vivo malfruas je la inter-individua. Niaj ŝtatoj efektive maldormas kun ŝrankoj plenaj je pafiloj, gasbomboj k. t. p. kaj iliaj najbaroj same. Jen la granda

(1) Pri la ekonomiaj kaŭzoj de milito necesus verki tutan artikolon. Ili ekzistas ne nur inter nacioj, sed inter klasoj kaj restas plia danĝero, kiun armiloj neniel forigas, eĉ kontraŭe.

fonto de malsekureco. Eĉ se malvenko devigis iun al kvazaŭa senarmigo, eĉ se la generaloj de la venkinto kontrolis kaj atestis tiun devigan senarmigon, tamen oni malfidas, tamen oni suspektas kaŝitajn arsenalojn.

Kial ? Ĉar ŝajnas neeble, ke popolo sincere akceptus tian senarmigon dum ĉiuj aliaj ĉirkaŭe konservas grandajn armeojn. Fakte la afero ne povas daŭri. Reciproka fido povus kreski nur en okazo de memvola senarmiĝo aŭ se ĉiuj ceteraj farus mem tion, kion ili devigis alian fari laŭkontrakte.

*Ord-Polico.* — Ni montris, ke ĝi ne estas la ĉefa elemento, kvankam utila. Ankaŭ tio plene mankas al la vivo inter la ŝtatoj. Ekzistas nur kelkaj okazoj kie la Ligo de Nacioj efektive sendis neŭtralan svedan aŭ svisan oficiron por krei malgrandan ordservon sur iu landlimo aŭ en iu haveno. Unu el la ideoj de la fama « Protokolo » estis ĝuste starigi kvazaŭ superan mondpolicon per partopreno de ĉiuj ŝtatoj po kelkaj taĉmentoj.

Resume por ke la sento pri sekureco, hodiaŭ reganta en normala urbo ekzemple nederlanda, regu ankaŭ en internacia vivo, necesas labori por realigi tie la samajn elementojn trovitajn en la dirita urbo, nome senarmigo de ĉiuj, kontrolo pri tiu senarmigo, ordpolico, deviga pacjuĝado, packutimo kaj edukado.

---

# Kuriozaj kluboj

de *M. L. English*

La klasika lando de la kluboj estas Anglolando. Grandaj estas ilia nombro kaj famo pro membroj mondkonataj, famo transiranta la limon de l'Brita Imperio. Apud tiuj grandaj societaj kluboj ekzistas aro da aliaj, en kiu manifestiĝas la ŝato de l'anglo je originaleco foje eĉ strangeco.

Kiel plej faman de originala klubo oni devas konsideri la « Kit-Cat-Club » kiu rezultis et la pasia prefero de l'anglo por ŝafpasteĉoj. Fondita de bakisto de pasteĉoj nomita de siaj amikoj Kit, kaj kiu super la pordo de l'domo havis katon kiel signon, tiu-ĉi klubo estas ankoraŭ nun unu el la plej konataj vesperkluboj. Sekvis baldaŭ aliaj kluboj kiuj esence sekvis gastronomiajn interesojn. Fondiĝis CALVES HEAD (bovidkapa), EEL PIE (Angilopasteĉo), GOOSE (Ansero), kaj antaŭ ĉio la plej konata BIFSTEK KLUBO. Tiu kalkulis ne pli ol 21 anojn, kunvenantajn ĉiusabate je la 17-a horo, por gustumi kun plej bona apetito kaj brita principeco plej britan bongustaĵon, en kiu la bifsteko nature ludas la ĉefan rolon.

Ekzistis ankaŭ klubo de l'silentemo, la Hum Drum Club. Serene kunsidas la membroj. Ĉiu tenis argilan pipon en la mano kaj antaŭ si bierkruĉon, diligente frekventante la trinkaĵon. Malpermesite paroli unu vorton. La malo de tiu-ĉi klubo estas la Rattling Club la Rulbrua klubo. Ĉe kunveno de tiu-ĉi klubo la membroj devis prezenti fiksitan nombron de paroladoj kaj diligente partopreni konversacion.

En la Beaux Club (klubo de Dandoj) oni rajtis paroli nur pri elegantaj vestaĵoj, ŝtofoj, ŝuoj, pri frizistoj kaj tajloroj. La Surly Club (klubo de la grumbluloj) fiksis kiel taskon plendi kaj kritiki pri ĉio kontraŭ ĉio kaj ĉefe dum klubvesperoj disputaĉi inter si. Eĉ la avaruloj posedas klubon, la Splitfarthing Club (klubo de personoj kiuj dividas eĉ unu farthing, la plej malgranda monero brita). Ĝi okazigas la kunvenojn en nelumigita ĉambro, nehejtigita por ŝpari. Pli frue ekzistis ankaŭ klubo de malfeliĉuloj (Unfortunates Club) al kiu apartenis komercistoj kiuj por fariĝi ano devis almenaŭ dufoje esti ĉesiginta la plenumon de financaj devoj kontraŭ kreditoroj.

Le almozuloj organiziĝis en klubo. Dum kunveno la blinduloj fariĝis vidantaj kaj la dumtagaj mutuloj parolis !

La londonaj ŝtelistoj kunvenis en la Antikva luno (Old moon) proksime de la malliberejo Old Bailey. La nomo de la klubo estas tute komprenebla : Thieves Club t. e. klubo de la ŝtelistoj. Originala estas la Lying Club, la Mensogo-klubo, kiun fondis antaŭ unu kaj duonjarcento Sir Harry Blunt, speco de brita Münchhausen. Ĉefa leĝo de tiu-ĉi klubo estas : Kiu dum 18 ĝis 20 horoj diras veraĵon devas pagi galonon da vino, kies specon decidas la klubestro. Ĉiu deziranta aliĝi devas pasi ekzamenon kaj kiu plej lerte mensogas estas elektata kiel prezidanto. La Ugly Club (klubo de aĉuloj) kaj la No-Nose-Club (klubo de la sennazuloj) ne plu ekzistas.

La klubo de la dikuloj (Club of fat man) havas ĉe la klubdomo du enirojn. Se kandidato kiu deziras aliĝi povas pasi la malpli larĝan pordon tiam oni ne konsideras lin inda je la membreco. Sed se kontraŭe oni devas malfermi la du partojn de la pordo por ke li povu eniri, tiam lin akceptas entuziasmaj krioj. Estas ankaŭ Thin Club (klubo de la maldikuloj), Tall Club (klubo de la longuloj), kaj Short Club (klubo de la malgranduloj). La kunvenejo de la lasta klubo estas instalita per malgrandaj mebloj kaj ĝiaj membroj tre estimas Pipin kaj Horaz ambaŭ konataj kiel etaj viroj laŭ la historio.

Ĉiuj tiuj kluboj estas sendanĝeraj. Sed ne ĉiam estis tiel. Ekzistis ekzemple klubo de la duelantoj (Duelling Club) kiu ne akceptis membron ne mortiginte homon en duelo. Pli danĝera estis ankoraŭ la Man Killing Club (la hommortiga klubo) ekzistinta dum la 18-a jarcento kaj kiu akceptis membron nur tiun kiu jam mortigis homon. Aro da tiaj krimaj kluboj estis tamen nur funkciantaj dum mallonga tempo dank'al la interveno de la polico. Ofte la ekzekutisto diris tiam la lastan parolon.

Tio estas la serio de la plej karakterizaj kluboj, je kio Londono estis foje tiom riĉa kaj kiuj nun malaperas se ili ne fariĝas kutimaj societaj kluboj. Tiam la nomo de la

klubo nur memorigas la originon, simile kiel la gildoj en Svilando kies nunaj anoj ne plu estas tio kion diras la nomo. La kuriozaj kluboj anglaj malaperas ĉar la niveliganta tempo malaperigas pli kaj pli la originalulojn kaj strangulojn. Trad. *H J.*

---

# La rekonstruo de Liechtenstein

Malgranda regneto sendependa Liechtenstein, inter Svislando kaj Aŭstrio suferis dum aŭtuno teruran subakvigon kaj detruon.

La ŝvelinta Rejno elbordiĝis kaj invadis ĝardenojn, kampojn, paŝtejojn, detruis stratojn kaj vilaĝojn, renversis arbojn kaj domojn. Kiam la fluo retiriĝis post danĝeraj tagoj, ĉie restis amasoj da ŝtonoj, ruinaĵoj kaj pli ol 1800 hektaroj estas difektitaj.

Mizero minacas la loĝantojn de tiu malgranda izolita landeto se oni ne helpas al ili. Ne ĉiuj povas donaci monon. Kelkaj povas eĉ pli facile helpi per siaj brakoj. Tiun pacan armeon de laborhelpantoj organizas noblaj homoj, kiuj ĵus publikigis alvokon por varbi partoprenantojn.

Jam enskribiĝis bonvoluloj el diversaj landoj, manlaboristoj, instruistoj, intelektuloj, ankaŭ virinoj, por helpi je lavado, kuirado, flegado, k.t.p. La laboro komencos en printempo kaj daŭros dum tuta somero. Kelkaj enskribiĝas por unu monato, aliaj por du semajnoj, ĉiu laŭ sia libertempo. Neniu ricevos pagon, sed oni garantios al ĉiuj loĝadon, manĝadon kaj parton de vojaĝelspezoj.

En la ĵus aperinta alvoko elstaras la konkludaj paragrafoj kiel tre interesaj. La subskribintoj esperas, ke ne nur materia, sed ankaŭ spirita bono elvenos el tiu entrepreno. Ĝis nun armeoj estas ĉiam nur militaj. Ni konsideras la nacian defendon nur laŭ vidpunkto milita. La organizantoj de la servo al Liechtenstein kredas je nova speco de nacia defendo : ili volus krei inter la popoloj tiajn rilatojn de interhelpado « kiuj igus morale neebla, ke najbaroj ataku popolon fariĝintan jam sincere ties amiko ». Unuvorte la nacia defendo per paca helpo anstataŭ per milito.

Alta idealismo inspiras tiun iniciaton de la konata porpaca apostolo Pierre Cérésole (profesoro ĉe gimnazio, La Chaux-de-Fonds, Svislando) de kiu oni petu informojn. Li korespondas en Esperanto kaj nia lingvo estos utila en Liechtenstein por faciligi kunlaboradon inter diversnaciaj partoprenantoj.

Ĉu internacia renkontiĝo de samideanoj por brave labori kaj helpi al malfeliĉa popolo ne valorus eĉ pli ol ĉiuj plej belaj kongresoj kaj festoj ? Siatempe D-ro Leono Zamenhof proponis esperantistan somerkampon. Ĉu ni faru ĝin en Liechtenstein ?

## NOTOJ

*La aŭtomobilismo en Usono.* — Ĝis la fino de la unua duonjaro 1927 estas 21 milionoj da aŭtomobiloj en uzado kaj ĉirkaŭ 100 000 motorbicikloj. Kontraŭ la sama epoko 1926 tio signifas kreskon de 1,2 milionoj aŭ 6 %. Proporcie ĉiu sesa loĝanto de USA posedas aŭtomobilon. Inter la veturiloj estas 18,1 milionoj por persona trafiko kaj 2,7 milionoj por ŝarĝoj. Inter la 49 statoj de la USA dek posedas ĉiu pli ol unu milionon da aŭtomobiloj. New York kun 1,7 estas unua kaj poste sekvas Kalifornio kun 1,6 milionoj.

*« Kosmos », 25-jara.* — Plej impona entrepreno por popularigi la natursciencojn estas la societo Kosmos fondita antaŭ 25-jarojn en Stuttgart de la Frankh-sche Verlagshandlung libreja firmo. La entrepreno eldonas lerte kaj sperte redaktitan revuon kun bildoj, monate. La enhavo ne estas tro komplika t. e. science— enuiga kaj ankaŭ ne supraĵa, precize la ora mezo. Ĉiujare publikiĝas 4 volumetoj binditaj kaj ilustritaj pri ĉiuj eblaj temoj. Jam pli ol cent tiaj libretoj aperis kaj nomoj de famaj verkistoj ornamas tiun bibliotekon, kia ne ekzistas en alia lingvo. Rimarkinde malalta kotizo, praktika sistemo de abonado progresigis tiun entreprenon ĉiam pli kaj pli tiel ke nuntempe la eldoncifero de la revuo estas pli ol 200 000.

*La Mario-Terezio talero.* — La talero Mario Terezio estis stampata en Aŭstrio. En la tuta oriento ĝi cirkulis kiel trafika monero. Laŭ la packontrakto de Saint-Germain la rajto de stampado transiris al la respubliko Aŭstrio. La Viena monfarejo eksportas ĉiujare konsiderindan kvanton da tiuj moneroj. Hodiaŭ la talero estas trovebla en Abisenio kaj en Arabio. Ripetitaj provoj de fremdaj registaroj, forigi la taleron per simila monero malsukcesis, pro la konservativa tendenco de la indiĝenoj. Ekzemple Abisenio stampis la Meneliktaleron sed kiu nur cirkulas en la ĉefurbo. La indiĝenoj en la interno de la lando tamen preferas la Mario-Terezian taleron. Interesa estas la statistiko de la Viena monfarejo pri la kvanto da taleroj faritaj kaj ekspeditaj de Trieste al Aden, Djibuti kaj Massaŭa :

| | Pecoj | | Peco | | Pecoj |
|---|---|---|---|---|---|
| 1913 : | 4 298 500 | 1918 : | — | 1923 : | 495 900 |
| 1914 : | 4 514 000 | 1919 : | — | 1924 : | 4 065 100 |
| 1915 : | 256 300 | 1920 : | 10 900 | 1925 : | 14 968 200 |
| 1916 : | — | 1921 : | 929 000 | 1926 : | 9 382 000 |
| 1917 : | — | 1922 : | 27 000 | | |

Depost 1751 ĝis 1926 la Viena monfarejo stampis 218 milionojn da taleroj.

*Novaj antaŭnomoj en USSR.* — Al la listo de aktualaj antaŭnomoj oni povas aldoni : Por knaboj : Barikado, Komintern, Raison, Radio, Troc, Voltaire, Spartacus. Por knabinoj : Barikada, Proletara, Bebelina, Jauresa (Joresa), Darvina. Tiuj-ĉi nomoj devenas el la oficiala listo de permesitaj personaj nomoj, eldonita de la Komisario de l'Interno.

---

## EL NATURO KAJ SCIENCOJ

# La malaja lingvo

de *Ljem-Tjong-Hie, Semarang.*

La malaja lingvo estas la lingvo de la enlandaj loĝantoj de la duoninsulo Malako, Riau-Linga arkipelago kaj de la plej granda parto de la loĝantaro de Sumatro. Ĝi formas parton de la « Indoneziaj lingvoj », kiuj apartenas al la Aŭstronezia grupo de la granda « Aŭstralia familio ».

Aŭstralia familio.

Sud-orienta Azio (kontinento kaj insuloj) kune kun Madagaskaro kaj nombro da insuloj en la Pacifika Oceano.

| Aŭstraloaziaj lingvoj. (Kontinento de Sud-orienta Azio. | Aŭstroneziaj lingvoj. (Insuloj.) |
|---|---|
| | 1. Indonezia 2. .... 3. .... Malaja |

Krom en supernomitaj landoj la malaja lingvo estas uzata en tuta nederlanda Hindujo kiel ĝenerala komunikilo inter la indiĝenoj kaj la fremduloj (per fremduloj estas komprenata ne nur la blankaj (okcidentaj) homoj, sed ankaŭ la aliaj orientanoj, kiel ĉinoj, japanoj, hindoj, araboj unuvorte la neindiĝenoj). En kelkaj regionoj la malaja eĉ anstataŭas la enlandan lingvon. La Indo-Ĉinoj, t. e. la Ĉinoj en Hindujo naskiĝintaj, akceptas la malajan ankaŭ kiel sian hejmlingvon. La plej granda parto de tiuj Indo-Ĉinoj scias la malajan lingvon pli bone ol la gepatran la Ĉinan aŭ eĉ tute ne scias la Ĉinan.

Estas do memkompreneble, ke ekzistas multaj lokaj diferencoj en la lingvo, kiuj koncernas la vortelekton, sencokonstruon, elparolon kaj eĉ gramatikon. Krom tio la fremduloj ofte uzas vortojn kaj sencokonstruon el sia gepatra lingvo. Oni do povas trovi du ĉefgrupojn en la malaja lingvo :

1. **La dialektoj.**

Tiuj ĉi estas pure malajaj, nur ili havas diferencojn en vortelekto, sencokonstruo kaj elparolo.

2. **La lingvo de la fremduloj.**

Tiu ĉi malaja estas sub la influo de fremda lingvo.

Kiel fundamenton de la malaja lingvo oni ĝenerale konsideras la dialekton de Djohor (Malako) kaj de la Riau Linga arkipelago, en kiu la literaturo estas verkita. Apud la « **literatura malaja** » oni ankaŭ havas la « **ĝeneralan malajan** », kiu estas preskaŭ egala al la literatura. Tiu ĉi ĝenerala lingvo estas uzata en la korespondado se oni ne volas uzi la dialekton de la koncernatoj.

En la pura malaja ankaŭ troviĝas kelkaj fremdaj vortoj por la interkomunikiĝo de la malajoj kun fremduloj. Kiel ĉiu alia lingvo, tiuj vortoj estas tiel enburĝitaj, ke ili estas konsiderataj kiel tute bone malajaj. Ili ĉiam estas pliriĉigataj pro la daŭra interrilato kun la fremduloj. Precipe ĉe la traktado de aferoj, kiuj al la malajo estas fremdaj, kaj por kiuj li do ne havas propran esprimilon, oni alprenas fremdajn vortojn, ekz. : ĵurnaloj, oficejoj, eltrovoj, teknikaj aferoj, k. t. p. Multaj de tiuj fremdaj vortoj estas arabaj, precipe koncernantaj religion, moralon, sciencon, naturon, k. t. p. Kelkaj vortoj devenantaj el la **araba** estas :

**Alahh** — Dio ; **'adat** — kutimo ; **ilmu** — scienco ; **huruf** — litero ; **hhabar** — sciigo ; **kitab** — libro ; **dsoem'at** — vendredo ; **sahabat** — amiko, **kuatir** — zorga, kpt.

El la **sanskrita : dua** — du ; **tiga** — tri ; **saudara** — frato ; **bahasa** — lingvo ; **gadjahh** — elefanto ; **kerdja** — laboro ; **suka** — ĝojo ; **varna** — koloro.

El la **persa : dzam** — horo, horloĝo ; **pasar** — vendejo ; **saudagar** — komercisto.

El la **tamila** (Sud-hindostano) : **tsemeti** — vipo ; **kapal** — ŝipo; **maligai** — palaco, precipe de princidinoj ; **manikam** — juvelo (rubeno).

El la **ĉina : tsingo** — procesio ; **toko** — butiko ; **teh** — teo ; **njonjah** — sinjorino.

El la **portugala : bandera** — flago ; **beludu** — veluro ; **garpu** — forko ; **geredsa** — preĝejo ; **kamedsa** — ĉemizo ; **peluru** — kuglo — **spatu** — ŝuo.

El la **holanda : balok** — trabo ; **duit** — mono ; **gelas** — glaso ; **sekotsi** — boato ; **serdadu** — soldato.

Juna persono parolante kun maljunulo uzas ambaŭ aliajn vortojn. La lingvo ŝanĝiĝas laŭ la diferenco de la reciprokraj parolantoj en aĝo aŭ rango kaj laŭ la rilato, en kiu ambaŭ staras unu kun la alia. Oni do havas : vortojn kaj esprimojn (lingvon) de infano al gepatroj, de geavoj al nepo, de geedzoj inter si, de subulo al estro k. t. p. Jen kelkaj vortoj, kiuj nur estas uzataj de aŭ pri reĝoj aŭ personoj, kiujn oni volas respekti :

| Respektantaj vortoj : | Ĉiutagaj : | Signifoj kaj rimarkoj : |
|---|---|---|
| Titah | Berkata | Paroli. |
| Sabda | » | » de profetoj k. c. |
| Firman | » | » de Dio. |
| Berdatang sembah | » | » de subulo al reĝo. |
| Berputera | Beranak | Naski filon. |
| Bersalin | » | Naski filinon. |
| Kurnia | Beri | Doni ; de altulo al subulo. |
| Persembah | » | » de subulo al altulo. |
| Bingkisan | Pembrian | Donaco de reĝo al alia reĝo. |
| Santap | Makan | Manĝi. |
| Bersiram | Mandi | Bani. |

Tre junaj infanoj kompreneble ne povas paroli la lingvon de la maturuloj. De 2 ĝis 4 jaroj ili balbutas. La patrinoj povas kompreni tiun ĉi infanan lingvon kaj ankaŭ en ĝi paroli. Kelkaj vortoj de tiu infana lingvo estas jenaj :

Ma' mam ! = Mama', saja hendak makan. = Panjo, mi volas manĝi.

Ma' num tsut = Mama' saja hendak minum soesoe = Panjo, mi volas trinki lakton.

Tiu lingvo iom post iom laŭ la pliaĝiĝo de la infano pliboniĝas kaj pleniĝas.

Junulo jam parolas la lingvon de la maturuloj.

Junulino kaj junulo uzas inter si ofte komparojn por esprimi siajn sentojn unu rilate la alian, ekzemple :

**Nazaro** : Ho kiel belega estas tiu ĉi arbo, ĝia foliaro estas riĉa kaj ĝiaj fruktoj tre dolĉaj. Se mi provus ekposedi tian arbon, kiel feliĉega mi estus !

**Zurna** : Ho ĉu vere vi volus havi tiun ĉi malbelan

arbon ? Vi certe bedaŭros, ĉar vi ĉiam devos balai la foliojn, dum la fruktoj ankaŭ ne estas bongustaj.

— Tiu laciĝo ne gravas, ĉar tio ja estas devo ; se mi nur povus rikolti la fruktojn, gajega mia koro estus kaj mi tute ne okupos min pri la laciĝo.

* * *

La gramatiko de la malaja lingvo estas kiel ĉiu alia orienta lingvo tre malfacila. La vorto « gramatiko » estas tute fremda por la malajoj, ili ne konas tiun vorton. Tial mankas do en la malaja tiuj gramatikaj esprimoj kiel artikolo, substantivo, adjektivo, verbo, adverbo, pluralo k. c. Pro tio la reguloj, kiujn ni devas difini por lerni la lingvon (se rilatas okcidentan lingvon), tiam oni celas per tio simple la **gramatikajn regulojn** estas tre malsimplaj kaj komplikitaj. Pro tio ankaŭ estas tre malfacile por okcidentano lerni orientan lingvon kaj por orientano lerni okcidentan. La okcidentaj lingvoj estas bazitaj sur unu firma fundamento, kiun oni nomas « gramatikon » ; la orientaj lingvoj staras sur pli vasta fundamento, ili bazas sin sur la ideo aŭ komprenaĵo. Kion vi pensas, celas, tio povas esti esprimata per vorto, kaj tiuj vortoj formas la lingvon.

**Artikolo** ĉu difinita ĉu ne, ne ekzistas en la malaja. Se oni tamen nepre volas uzi difinitan artikolon ekz. La sovaĝa knab' ridante, la rozeton prenis, tiam ni povas uzi la vorton **itu**, kiu signifas **tiun** : *Anak nakal itu dengen ketawa ambil itu bungah mawar.*

La **pronomoj** estas jenaj : Aku, ku, saja, hamba, patik, guami ; engkaŭ (kaŭ), kamu (mu), tuan, tuanku, entsik, lu = Vi (singulara), kita, kita sekalian = ni, ni ĉiuj (kun enkalkulo de la alparolato) ; kami = ni (sen enkalkulo de la alparolato).

Ankaŭ titoloj, alvoknomoj povas esti uzataj kiel pronomoj, ekz. : anakku — infano mia ; kakanda — frato (pli maljuna), edzo mia.

Ĉiuj pronomoj estas samtempe posedaj : Dsika adinda
1 2
ada kesempetan **dsanganlah lupa akan** tulis pada ku
3 4 5 6 7 8
tentang keadaan mu = Se vi havas okazon, **ne forgesu**
9 10 11 1 2 3 4 5
al mi skribi pri via farto (Laerto).
7 8 6 9 11 10

La tria persono estas **ia** = li, ŝi, ĝi plurala :: marika itu = tiuj personoj ; por ĉiuj seksoj.

La poseda pronomo de la tria persono estas **nja** uzata, kiel sufikso : kepalanja — kapo lia.

La **numeraloj** estas ne deklinaciataj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Satu — 1 | anam — 6 | | |
| dua — 2 | tudsuh — 7 | | |
| tiga — 3 | delapan 8 | | |
| ampat — 4 | sembilan 9 | | |
| lima — 5 | sepuluh 10 | = | unu deko |
| seratus — 100 | | = | unu cento |
| seribu — 1000 | | = | unu milo |
| selaksa — 10000 | | = | unu dekmilo |
| seketi — 100000 | | = | unu centmilo |
| sejuda — 1000000 | | = | unu miliono |

1927 = seribu sembilan ratus dua puluh tudsuh.
4 × 10 = 40 — ampat kali sepuluh dsadi ampat puluh.

La **nombronoj** estas formataj per **per** antaŭ la numeraloj, ekz. : 1/3 = **sepertiga** ; 5/8 = lima perdelapan.

La malaja ankaŭ havas prefikson **ber** por signi la **kolektajn numeralojn** : kita berlima = ni kvinope.

**Ordajn** kaj **adverbajn** numeralojn oni ricevas per antaŭmeto de **ke**. Antaŭ la ordaj oni ankaŭ metas la rilatan vorton **jang** = kiu, kio, kia.

Jang kedua sigera mengikut sesudahnja jang kesatu = La dua baldaŭ sekvis post la unua (Horacio).

Krome la malaja havas la tiel nomitajn klasifikajn numeralojn, kiujn la eŭropaj lingvoj ne posedas. Ekzemploj :

Dua **butir** intan — Du diamantoj.
Tuga **ekor** kambing — Tri kaprinoj.
Ampat **bidji** buah — Kvar fruktoj.

Ekzistas nur unu kazo la nominativo. Verbaj aŭ substantivaj deklinacioj ne ekzistas. La uzo de la verboj estas tre malfaciligata pro la tre neregulaj sufiksoj kaj prefiksoj. Tiuj ĉi aldonaĵoj estas kvazaŭ la deklinacioj en eŭropa lingvo. Tempoj estas montrataj per vortoj signifantaj : hieraŭ, pasintan tempon, antaŭe, malfrue, morgaŭ, la alian tagon, poste, dume, k. t. p.

La substantivoj kaj ankaŭ la adjektivoj estas malfacilaj kvankam ne tiel komplikitaj kiel la verboj.

La pluraloj de verboj aŭ substantivoj estas faritaj per duobliĝo de la vortoj. Ĝenerale oni ankaŭ ne donas la pluralon, ĝi devas kompreniĝi laŭ la sencorilato.

Por fini kelkajn tipajn esprimojn :

| | |
|---|---|
| **dsantung hati** | = koro-animo (koro de l'koro = karulo-karulino. |
| **kurang adjar** | = malmulto da instruo = malĝentila. |
| **bungah raja** | = floro ĝenerala = fuŝvirino. |
| **hari raja** | = tago ĝenerala (granda) = festotago. |
| **lintah darat** | = tera suĉvermo = fripono. |
| **mata hari** | = okulo de l' tago = suno. |
| **bumi putra** | = filo de la tero = indiĝeno. |
| **surat kabar** | = informa letero = gazeto. |
| **ibu kota** | = urba patrino = ĉefurbo. |
| **omong kosong** | = malplena parolo = sensenĉaĵo. |

---

# La vivo sur aliaj mondoj

de *Eric Biddle*, Birmingham.

De post la plej frua tempo pensemuloj sin demandis, ĉu ia vivo ekzistas sur aliaj mondoj. Kaj plejofte ili respondis jese al tiu ĉi treege interesa demando. Inter aliaj ni povas citi la sekvantajn nomojn : Fontenelle, Huygens, Bruno, Kepler, Tycho, Newton, la du Herschel, Arago, Laplace, Brewster kaj la antaŭ nelonge mortinta Robert Ball en la estinteco ; dum niatempe Camille Flammarion kaj P-ro Lowell estas inter la plej eminentaj kredantoj je la bela vero.

Kaj efektive estas malfacile kompreni kiel iu kiu kredas je la faktoj de astronomio kaj biologio povas serioze malakcepti ĝin. Sen la vivo en la sennombraj mondoj el kiuj ĝi konsistas, la universo estus nura tombo, terura pro sia mokado. Sed estas nenia neceso konjekti ke ĉio estas en tiu ĉi malgaja stato. Estas unu punkto, kiun ordinare ignoras tiuj, kiuj blinde neas la kredon, nome,

ĝi ne traktas ekskluzive pri nia propra periodo. Tiel, iuj mondoj havis loĝantojn en la estinteco kaj nun estas mortintaj ; aliaj estas loĝataj je la nuna tempo ; dum ankoraŭ aliaj estos loĝataj en la estonteco. En nia suna sistemo ni havas ekzemplojn de tiuj ĉi tri klasoj. La luno estas la mondo de l'estinteco ; la tero, kaj eble Marso kaj kelkaj el la lunoj de Jupitero estas nun loĝataj ; dum la grandega Jupitero, ankoraŭ likvida, estas la mondo de la estonteco.

En la suna sistemo la du planedoj plej proksimaj de la suno, Merkuro kaj Venuso, estas kredeble neloĝataj, ĉar ili havas la malfeliĉon ĉiam montri la saman flankon al la suno. La rezultato de tiu ĉi strangaĵo estus, ke la tuta akvo sur tiuj ĉi planedoj estus ĉe la mallumaj flankoj, kiel neĝo kaj glacio. Nenia vivo de ni komprenebla povas ekzisti sen akvo, kaj tial ni devas konkludi ke Merkuro kaj Venuso estas malgajaj neloĝeblaj dezertoj.

La proksima mondo kiun ni renkontas dum nia flugo tra la senlimo estas la luno, nia plej proksima najbaro. Nur 237,000 mejloj apartigas nin de la reĝino de l' nokto. Tiu ĉi distanco, kvankam ĝi ŝajnas vastega al ni, estas nura paŝo en la universo. Ponto el tridek teroj unuigus la du mondojn.

Unu granda gajno el la apudeco de nia ĉiela kunulo estas la facileco je kiu ni povas vidi la detalojn sur ĝia supraĵo. Eĉ malgranda teleskopo montras al ni sennombrajn kraterojn — jam de longe estingiĝintajn — kaj la tuta surfaco estas ŝirita kaj sovaĝa, prezentante belegan kvankam malgajan vidaĵon. La detalojn malklaretigas neniu atmosfero, ĉar la luno jam perdis la tutan, aŭ preskaŭ la tutan gasan kovrilon kiun ĝi sendube iam posedis. Nek estas ia postesigno de akvo sur ĝia supraĵo, do oni povas konkludi, ke ĝi ne estas loĝata sed kiu scias ĉu ne estas lunanoj vivantaj, kun aero kaj akvo, sub la surfaco, en vastaj kavernoj, kiel H. G. Wells sugestas en sia « Unuaj Homoj sur la Luno » ?

La kvar malproksimaj planedoj — Jupitero, Saturno, Uranuso kaj Neptuno — verŝajne ankoraŭ ne estas solidaj ; tial ni ne povas supozi ke ili havas loĝantojn.

Restas nur unu alia planedo, Marso — nomita laŭ la dio de milito — kaj estas, laŭ mia opinio, tre verŝajne ke tiu ĉi mondo estas la loĝejo de la plej inteligentaj estaĵoj en la suna sistemo. Almenaŭ, la observoj pri tiu ĉi planedo ŝajnus certigi tion ĉi. Marso estas pli maljuna ol la tero kaj multe pli malgranda, tial ĝi estus sufiĉe malvarma por havi sur si vivantajn estaĵojn kiam la tero estis ankoraŭ fluida — eble antaŭ cent jarmilionoj Konjektante ke la vivo bezonus tiom da tempo sur Marso kiom sur la tero por krei inteligentajn estaĵojn, sekvas ke la Marsa homaro estas pli maljuna ol ni multajn jarmilionojn. Sendube la Marsanoj estas pli inteligentaj ol ni, kaj vivas kune en paco, sen la diabla barbaraĵo, militado. Mi ne ĝis nun aludis la « kanalojn » de Marso, sed mi ne povas tie ĉi doni longan defendon de l' teorio ke ili estas artefaritaj. Sufiĉas diri, ke ili evidente portas la akvon de la degelanta polusa neĝo al la aliaj partoj de la planedo, kaj ke ni vidas la vegetaĵon aperi dum la viviga fluido estas disigata.

Estas interese noti ke unu el la lunoj de Jupitero, laŭ Flammarion, havas liniojn, similajn al tiuj de Marso, sur sia supraĵo. Eble ĝi ankaŭ estas loĝata.

Iuj homoj ŝajne pensas ke se alia mondo estas loĝata, ĝia popolo estas nepre homaj estaĵoj. Nenio estas pli absurda. Ni nur bezonas konsideri la vastan nombron de vivformoj sur nia propra mondeto por kompreni ke inteligentaj estaĵoj povas esti tute nesimilaj al ni.

Kaj se estas tiom da varieco en unu mondo, la nombro de diversaj formoj en aliaj mondoj tra la senlimo sendube estas preskaŭ nekalkulebla. Kaj kiom ni gajnas en niaj ideoj kiam ni komprenas ke ni ne estas solaj en la universo ! Je la silenta rigardo kaj pripensado de l' stela ĉielo, ni sentas ke tiuj ĉi aliaj mondoj estas ĉiuj parto de nia universo, kaj ke niaj vivoj, kiuj certe finiĝos iun tagon ĉi tie, estas daŭrigotaj sur tiuj aliaj mondoj por ĉiam — ĉiu el ni pasante de pli bona mondo ĝis ankoraŭ pli bona mondo ĝis ni atingos la plej dian — kie la morto kaj la pekado estos perdintaj sian povon por ĉiam.

---

# En kelkaj linioj...

*** La estro de « Akademische Lesehalle SSS (Akademia legejo), Berlin NW 6, Albrechtstrasse, 11 », deklaris sin preta elmetigi Esperantajn gazetojn sendatajn regule kaj senpage. Apud la multaj gazetoj diversnacilagvaj troviĝas tie :

Esperanto, Espero Katolika, Germana Esperantisto, Internacia Medicina Revuo, Katolika Mondo kaj Unuigita Tuthomaro.

Ni tre dankus al la eldonistoj de aliaj esp. gazetoj se ili bonvolus sendi al la supra adreso senpage ilian gazeton. Koran dankon al la administracioj tion farintaj dum 1927 kaj helpintaj nin efike.

Profesoro Dyba, del. de UEA, Berlin-Niederchönhausen.

*** Por kunhelpi al starigo de kiel eble plej preciza radiostatistiko por celoj de historio kaj propagando oni ĵus starigis « Komisionon por Radio-statistiko, komisiitan de I. C. K. » Tiu ĉi komisiono, interkonsente kaj komisiite de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Genevo helpe kolektos ĉiun necesan materialon por prilaboro laŭ direktivoj de nia internacia propagando-centro.

La komisionon formas : D-ro Döhler, S-roj Hennig kaj Geipel, en Riesa. Helpantoj kaj kunlaborantoj en la radio-sfero interrilatu tuj kun

S-ro D-ro W. Döhler, Rosenplatz, 11, Riesa (Elbe) Germanlando.

*** La stenografa monata gazeto *Stift Heil,* eliranta en St-Joachimstal, Csl. Republiko : publikigos en la numeroj, 6—12 ; Februaro—Augusto 1927 : kurson de Esperanto-Stenografio laŭ sistemo Gabelsberger. Esperantistoj, kiuj volas ellerni la Esperanto-Stenografion, skribu tuj al « Esperanto Grupo St-Joachimstal ». La abonprezon por la cititaj numeroj, 10 Kč sendu samtempe.

# LITERATURO

## Ĉarma virino

de *Jerome K. Jerome.*

Jerome K. Jerome, angla novelisto ĵus mortinta, verkis Paul Kelver, Tommy and Co., Malvinna of Britanny, k. t. p. ĉiam kun delikata bonkoreco kaŝita sub sprita bonhumoro. La ĉi-supra anekdoto estas tradukita el Sketches in Lavender.

« Ĉu S-ro... la aŭtoro, vere ? »

En ŝiaj profundaj brunaj okuloj ekbrilis kontenta surprizo batalanta kun miro. De mi al la amiko ĵus prezentinta nin ŝi rigardis kun sorĉa rideto nekredema, sed iom esperema.

Li certigis al ŝi aldirante ride : « La sole aŭtentika » kaj lasis nin.

« Mi ĉiam imagis vin serioza mez-aĝa viro » ŝi diris kun ĉarma eta rido ; tiam aldonis mallaŭte, milde : « Mi estas tiel kontenta vin renkonti, vere. » La vortoj estis kutimaj, sed ŝia voĉo ĉirkaŭrampis onin kvazaŭ varma kareso.

« Venu kaj parolu al mi », ŝi diris, sidiĝante sur malgrandan kanapon kaj farante lokon por mi.

Preskaŭ ĝene mi sidiĝis apud ŝin kun la kapo iomete zumanta kvazaŭ pro unu ĉampanglaso troa. Mi estis en mia literatura infaneco. Unu malgranda libro, kelkaj studskizoj kaj recenzoj, dissemitaj tra nekonataj revuetoj estis ĝis tiam miaj nuraj partoprenoj en la kuranta literaturo. Subite malkrovi, ke mi estis *La* sinjoro Iu kaj ke ĉarmaj virinoj pensas pri mi, tio estis ja cerbokonfuziga penso.

« Kaj estas vere vi, kiu verkis tiun lertan libron », ŝi daŭrigis, kaj ĉiujn tiujn brilajn artikolojn en la revuoj kaj gazetoj. Nu, kiom agrable esti tiel inteligenta ! »

Ŝi elspiris etan sopiron de vana bedaŭro, kiu trafis mian koron. Por ŝin konsoli, mi komencis prilaboritan komplimenton, sed ŝi haltigis min per sia ventumilo. Pro posta pripensado mi ĝojis, ke ŝi haltigis min, ĉar ĝi estus unu el tiuj ĝentilaĵoj pli bone esprimindaj tute alie.

« Mi scias kion vi intencas diri », ŝi ridis ; « sed ne diru ĝin. Cetere, de vi, mi ne scias kiel mi devus ĝin akcepti. Vi povas esti tiom ironia. »

Mi klopodis elrigardi kvazaŭ mi povus esti tia, sed, ĝuste pro ŝi mi ne sukcesis.

Ŝi lasis sian sengantan manon resti dum unu momentero sur la mia. Se ŝi estus ĝin lasinta dum du, mi estus jam falinta sur genuojn antaŭ ŝin aŭ ekstarinta sur kapon ĉe ŝiaj piedoj — farinta ian frenezaĵon iel aŭ alie antaŭ la tuta salono homplena. Ŝi tempis ĝin mirinde.

« Mi ne volas ke *vi* faru al mi komplimentojn, ŝi diris : « Mi volas ke ni estu *amikoj*. Kompreneble laŭ aĝo mi povus jam esti via patrino ! » Laŭ la registro, mi opinias ke ŝi estus eble tridek-dujara, sed ŝajnis dudek-ses. Mi estis dudek-tri kaj, mi timas, malprudenta pli ol laŭaĝe.

Sed vi konas la mondon, kaj vi estas tiel malsimila al ceteraj homoj, kiujn oni renkontas. Societo estas senenhava kaj artifika ; ĉu vi ne trovas tion ? Vi ne scias kiom mi foje sopiras forkuri el ĝi — iun koni, al kiu mi povus malkovri la veran min mem — iun, kiu min komprenus. Venu viziti min kelkfoje — ĉiam hejme merkredojn — kaj lasu min paroli al vi, ĉu ne ? kaj vi devas diri al mi viajn lertajn pensojn. »

Mi supozis ke eble ŝi nun ŝatus aŭdi kelkajn el ili tuj, sed, antaŭ ol mi bele komencis, alvenis malplena societa viro kaj proponis noktomanĝon. Ŝi estis devigata forlasi min. Tamen malaperante en la homamason, ŝi rigardis malantaŭen trans ŝultro kun duontragedia, duonkomika okulpreĝo, kiun mi klare komprenis jene : « kompatu min. Nun mi devas esti tedata de tiu vakua seninteresa ulo » kaj mi kompatis ŝin efektive.

Antaŭ ol foriri mem, mi serĉadis ŝin tra ĉiuj salonoj. Mi volis certigi ŝin pri mia simpatio kaj subteno. Fine mi aŭdis de la kelnero, ke ŝi adiaŭis frue, akompane kun la seninteresa societa viro.

Du semajnojn poste, mi renkontis amikon en Regent Strato kaj ni kune lunĉis en Moniko.

« Mi renkontis tiel ĉarman virinon hieraŭ vespere », li diris, « iun sinjorinon Clifton Courtenay, vere amindan virinon. »

« Nu ĉu *vi* konas ŝin ? », mi ekkriis. « Ni estas tre malnovaj amikoj. Ŝi volas ĉiam, ke mi ŝin vizitu. Vere mi devas iri. »

« Nu, mi ne sciis, ke *vi* ŝin konas », li respondis. Iel la fakto ke mi ŝin konas ŝajnis kvazaŭ malgrandigi ŝian gravecon en lia juĝo. Sed li baldaŭ retrovis entuziasmon por ŝi.

« Mirinde inteligenta virino, li daŭrigis. Mi timas eble, ke mi tamen seniluziigis ŝin iomete. » Tion li diris kun rido kontraŭparolanta liajn vortojn. « Ŝi ne povis kredi, ke mi estas *la* Sinjoro Smith. Laŭ mia libro ŝi imagis min tute maljuna homo. »

En la libro de mia amiko mi povis mem vidi nenion, kio supozigus ke la verkinto necesas esti pli ol dek-okjara. La eraro ŝajnis al mi pruvo de nesufiĉa kritikemo, sed ĝi lin videble plezurigis treege.

« Mi ŝin kompatas », li diris, « alĉenitan al tiu sensanga artifika societa rondo, en kiu ŝi vivas. « *Vi ne scias,* ŝi diris al mi, *kiom mi sopiras renkonti iun, al kiu mi povus malkovri la veran min mem — iun kiu min komprenus.* » Mi vizitos ŝin merkredon.

Mi iris kun li. Mia interparolo kun ŝi ne estis tiel konfidenca kiel mi esperis, ĉar preskaŭ okdek aliaj homoj ĉeestis en ĉambro intencita por la komforto de ok personoj ; sed rondirinte dum horo en varmega kaj sencela baraktado — kiel okazas en tiaj kunvenoj al tre junaj

viroj, ĝenerale konantaj neniun krom la alkondukinta amiko kaj ne povantaj lin trovi — mi fine sukcesis interŝanĝi kelkajn vortojn kun ŝi.

Ŝi bonvenigis min per rideto, ĉe kies lumo tuj mi forgesis mian antaŭan malkomforton, kaj ŝi lasis siajn fingrojn resti momenteron sur la miaj kun plezuriga premeto.

« Kiel afable, ke vi plenumis vian promeson », ŝi diris, « tiuj-ĉi homoj lacigis min tiom. Sidu ĉi-tie, kaj rakontu al mi ĉion, kion vi faris. »

« Ŝi aŭskultis dum ĉirkaŭe dek sekundoj, kaj tiam interrompis min jene : « kaj tiu talenta amiko via — kun kiu vi alvenis — mi renkontis lin ĉe kara Lady Lennon lastan semajnon ; ĉu li verkis ion ? »

Mi klarigis ke li skribis libron. « Rakontu pri ĝi ! », ŝi diris. « Mi havas tiel malmulte da tempo por legi, kaj plie mi ŝatas legi nur la librojn, kiuj helpas al mi » kaj ŝi sendis al mi dankeman rigardon, pli elokventan ol ĉiaj paroloj. Mi priskribis al ŝi la verkon kaj dezirante esti justa al mia amiko, mi eĉ parkere citis el ĝi kelkajn liniojn, pri kiuj mi sciis ke li aparte fieras.

Unu frazo ŝajne allogis ŝin tute speciale. « La brako de bona virino ĉirkaŭ la kolo de viro estas kvazaŭ savozono ĵetita al li el ĉielo. »

« Kiel bele ! » ŝi flustris. « Rediru ĝin denove. »

Mi rediris ĝin kaj ŝi ripetis ĝin post mi.

Tiam bruema maljunulino flugfalis al ŝi kaj mi rifuĝis for en anguleton, kie mi klopodis aperi kvazaŭ mi havus grandan plezuron, sed tute sensukcese.

Iom pliposte, sentante, ke venis la tempo por adiaŭi, mi serĉis mian amikon kaj trovis lin parolanta kun ŝi en angulo. Mi alproksimiĝis kaj atendis. Ili diskutis la lastan krimon de orienta Londono. Ebrian virinon mortigis la edzo, laborema metiisto, frenezigita pro la ruiniĝo de sia hejmo.

« Jen », ŝi diris, « vidu kian povon havas virino por faligi viron malsupren aŭ lin eltiri supren. » Neniam mi legas pri ia afero, en kiu estas enmiksita virino, sen repenso al tiuj belaj linioj viaj : « La brako de bona virino ĉirkaŭ la kolo de viro estas kvazaŭ savozono ĵetita al li el ĉielo. » (El angla tradukis *Edmond Privat.*)

---

## Ĉe la maro

*Heinrich Heine.*

*Rebrilis sun' en vasta mar'*
*Kun lasta lum' vespera ;*
*Ni solaj sidis, silenta par'*
*En amo senespera.*
*Leviĝis akvo kaj nebul',*
*La mevoj flugadis krie,*
*Eklarmis via bel-okul',*
*Rigardis min pasie.*

*La larmoj falis sur via man',*
*Genuis mi kun tremo,*
*La larmojn de via blanka man'*
*Mi trinkis for kun ĝemo.*
*De tiu horo turmentas min*
*Sopiro kaj doloro,*
*Per larmoj de la bel-virin'*
*Malsanas mia koro.*

Trad. *Franz Döring.*

## Sed nur por germanoj

Kuraĝa juna metiisto germana migris laŭ bona malnova kutimo kaj venis ankaŭ al Malaga en Suda Hispanio. Tie lin kaptis la malsano de l' fremda lando : akuta febro. Kiam fine kuracisto sin okupis pri li, li trovis la kazon sen espero. Li ne mankis tion komuniki per sekaj vortoj al la malsanulo. La germano rezignacie akceptis tiun informon. Sed por adiaŭi de tiu-ĉi mondo li ankoraŭ volis sin bone regali. Li petis la hospitalestron, ke oni servu al li la ŝatatan manĝon : Acida brasiko, pizoj kaj porka viando.

Oni havis kompaton kun la fremda migranto kaj oni penis plenumi ties lastan deziron. Sed kie trovi en Hispanio la tute nekonatan manĝajon ? La kuireja junulo konsilis. En la haveno troviĝis hazarde germana ŝipo. La maristoj bonkore donis por la samlandano eĉ duoblan kvanton. La malsanulo manĝis bonapetite kaj endormiĝis profunde. Post tri tagoj li revekiĝis, sana kiel fiŝo en la akvo. Ĝoje li hejmenmigris.

La hispana kuracisto mire konstatis tiun efikon resanigan de la germana nacia manĝaĵo. Li notis en sian libreton : Plej bona rimedo kontraŭ febro estas porka viando kun pizoj kaj acida brasiko.

Iom poste li devis okupiĝi pri hispano kiu estis en sama stato kiel antaŭe la germano. La kuracisto certigis lin pri baldaŭa resaniĝo kaj ordonis la novan miraklan rimedon, kion li ricevis kiel antaŭe de germana ŝipo. La hispano kun preskaŭa abomeno englutis tiun strangan medikamenton kaj endormiĝis. Kiam la kuracisto lin revidis alian tagon il trovis lin mortinta. Tiam li reprenis la notlibron kaj aldonis post la indiko — Porka viando kun pizoj kaj acida brasiko la vortojn : *sed nur por germanoj.*

*Mitropa Jurnalo*, N-ro 190.

---

## Amerikanaj spritaĵoj

*** *Gertrud Ederle perdis la rekordon de l' kanalo. Kontraŭe ŝi konservas alian, ĝis nun malatentitan rekordon : Ŝi pasigis pli ol 14 horojn, ne pudrigante la vizaĝon.* *« Baltimore Sun ».*

*** *Oni tre honoris la prezidanton de Kubo nin vizitintan antaŭ nelonge. Por danki, li tamen estus povinta malkaŝi al ni, kial en la Havana cigaroj ne estas Havana tabako.*
*« Chicago Evening Post. »*

*** *La plimulton de la monumentoj oni starigis honore je viroj, al kiuj dum ilia vivo, miloj deziris la pendigilon.*
*« Detroit News. »*

*** *Juĝisto en Kansas laste decidis, ke edzo ne estas devigata aŭskulti la babiladon de la edzino. Tiu-ci sinjoro laŭŝajne ne estas edzigita.* *« Marion Star. »*

*** *En Louisiana oni interkonsentis pri la evolucia problemo. Vizitante la unuagradan lernejon oni devenas de Adamo ; poste en la alta lernejo — de l' simio.* *« New Yorker. »*

*** *Iu Moŝta Sinjoro en Oklahoma nun posedas 100,000 dolarojn. Tion li dankas al sia « senhalta laborado kaj honesteco » (oni diras) kaj — al la cirkonstanco, ke oni pagis al li 100,000 dolarojn por oleo-fonto troviĝinta en sia absolute malzorgita farmo.*
*« Arizona Record. »*

*** *La du malamikoj de ĉiu reformo estas la malbonintencaj opoziciuloj kaj — la frenezaj adeptoj.* *« Springfield Sun. »*

*** *Oni diras ke en la francaj frenezulejoj troviĝas pli da juĝistoj kaj advokatoj ol homoj de aliaj profesioj. — Ĉe ni bedaŭrinde ne.* *« American Lumberman. »*

---

# S H S[1]

*N. Hohlov.*

SERBINO.

Kiu provis, kiu povis spiti al okuloj
Nigre-brilaj kaj similaj al cindrigaj bruloj ?
Kies koro en adoro ne ekflamis arde
Aŭ sin bridis, se ŝin vidis vole aŭ hazarde ?



*Serbino.*

Provu veni, povu preni floron de la sudo
El la rita, trasentita, rondodanca ludo !
Ĉe la sino de l' aglino — nur por agloj loko,
Por la molaj kaj senvolaj — ruiniga moko...



*Kroatino.*

KROATINO.

Via beleco estas serena, kiel somera kampa vesper'
Via gracio estas feina, vian naturon kronas sincer',
Viaj okuloj lumas varmige : el la profundo de la anim',
Viajn parolojn ombra kontralto dolĉe vualas por la intim'.
Kiom de ĉarmo en ĉiu movo, da spontanea, virina dec',
Kiom da noblo en la elmontro de bonvolemo kaj amikec'!
Kiom da fajra, sveniga febro en la alpremo de l' flama [buŝ !
Kiom da silko, fabela silko en la pasia ĝuarda tuŝ, !...



*Slovenino.*

SLOVENINO.

En la montoj vi konkuras ĉamon,
En la kampoj ĉarmas kiel flor',
Via koro scias kulti amon,
Via kanto fluas en ador'.

En laboro estas vi abelo,
En la danco — tre malnova vin',
En pasioj — fajro kaj mielo,
En kolero — bela diablin' !

(1) S H S = Mallongigo por reĝlando de Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj. Kroatoj en nacia lingvo Hravati.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# Impresoj el Stockholm

Kiam la esperantistoj havos konferencon aŭ kongreson en Stockholm ? Tiu norda Venecio estas unu el plej grandiozaj urboj en la mondo. Akvo ĝin penetras kaj ĉirkaŭas el ĉiuj flankoj. La malproksima maro sendas al ĝi tra l'insularo tutan vicon da brilaj marbrakoj kvazaŭ dekon da riveroj kaj lagoj.

Impresaj palacoj staras sur majestaj kajoj. Vaporŝipoj preterglitas antaŭ tiu mirinda Urbdomo kun mezaĝaj arkaĵoj simile je Duka Palaco en la itala Venecio. Mez-aĝaj ? Fakte la komunumo konstruis sian luksan hejmon antaŭ nur kelkaj jaroj, sed la modernaj svedaj arkitekturistoj sukcesis ion lerni el antikvaj belaĵoj por starigi ion tamen tute novan, originalan kaj bongustan. Kiam mankis mono por fini la tegmenton, la urbanoj mem donacis po unu tegolo el plej bona kuirtero kaj multaj portas engravuritan subskribon. Interne vasta kovrita korto povas enteni veran homamason.

Por oficialaj akceptoj orgeno ludas kvazaŭ el ĉielo kaj la milo da gastoj malrapide paŝas sur la larĝa marmora ŝtuparo kondukanta supren al Ora Salono.

La tutan ĉambregon ornamas muroj kovritaj per oritaj mozaikoj same kiel en venecia San Marko aŭ en Montreala Preĝejo super Palermo Sicilia. Sed la figuroj estas modernaj, eĉ treege. Vespermanĝo de mil homoj tie, vataj. Neniu estas nura numero. Regas en kutimoj rimarkinda mildeco kaj ĝentila bonmaniereco en ĉiuj klasoj. Laboristoj estas kleraj, bibliotekemaj, influaj. Kooperativaj societoj multe reduktis la koston de la vivo.

Alta civilizo, morala kaj materia. Homoj lasas pordojn neŝlositajn pli facile ol en aliaj landoj. En stacidomo, en vagonoj oni ne timas por valizo aŭ pakaĵo. Regas honesteco, pureco, lojaleco ĝeneralaj kaj la vizi-





ĉe lumo de kandeloj laŭ antikva stilo, jen vidaĵo unika, neforgesebla.

La kelneroj aŭskultas interese la paroladojn, aplaŭdas. Oni sentas ilin amikoj, ne birdotimigiloj.

En tuta Svedujo regas tiu sento pri homeco, pri egaleco demokrata, pri respekto al ĉiuj personoj servantaj aŭ servataj. [...] tanto sentas ĝin, iom hontas pri sia malpli civilizita lando kaj filozofias pri tio en vagonaro aŭ ŝipo admirante la ĉarman pejzaĵon de l' kamparo : lagoj, abioj, ruĝbrunaj lignodometoj kun ĉiama blanka randlinio ĉe tegmento kaj fenestroj. Feliĉa, bela Svedujo, tiom aminda !

*Edm. P.*

# Esperanto ĉe Mondpalaco en Bruselo

Nia dudeka kongreso en Antverpeno (3—10 Aŭgusto) estos granda kunveno. Jam organiziĝas el ĉie karavanoj. Eĉ apartan ŝipon mendas la Britoj. Ni antaŭĝoju pri tiu bela renkontiĝo! Kiu ne konas Belgujon devas nepre vidi admirindan Antverpenon kaj ne-forgeseblan Bruselon, du el plej belaj urboj en Eŭropo, kunigitaj per rapidveturoj kvardekminutaj, do tute proksime.

En Bruselo multaj esperantistoj pilgrimos al la Mondpalaco, kie niaj blankharaj, sed ĉiam junaj amikoj Paul Otlet kaj Henri Lafontaine fervore organizis kaj reorganizis ne nur internacian universitaton kie esperanto ludas rolon, sed ankaŭ tutmondan Bibliografion kaj rimarkindan dokumentan ekspozicion.

Kiel oni ŝatus gvidi gefilojn aŭ lernantojn tra la salonoj kun helpo de sia registaro aŭ turisma oficejo. Ĉu aliaj volas sekvi la ekzemplon?

Iu ajn membro proponu la aferon al sia komitato, oni elektu apartan komisionon kaj laborigu diversajn grupanojn kaj kursanojn. Tiu preparado estas tre interesa tasko, ankaŭ tre bone dividebla en fakoj.

Se oni bone organizos la aferon, ni havus belan pilgrimadon en Bruselo por inaŭguri per solena festo la diversajn novajn salonojn en la Mondpalaco dum nia Universala Kongreso. Surprizos nin trovi tie ankaŭ apartan ĉambron pri mondlingvo kaj Esperanto, sed tie ankaŭ mankas novaĵoj kaj estus bone se ĉiu nacia societo alportus kelkajn librojn, vortarojn, gazetojn, aperintajn depost la milito por modernigi la kolekton. Jen la temoj pri



PALAIS MONDIAL, FASADO.

de la Mondpalaco por ke ili lernu per okuloj! Jen la egipta salono: reliefo de la Sfinkso kaj Piramidoj, modeloj de faraonaj sarkofagoj bildoj de temploj, planoj de urboj, hieroglifoj, kostumoj. Jen la greka, jen la romana ĉambroj. Ĉie laŭ metoda simpleco ĝuste la neceso kaj sufiĉo por vidigi kaj klarigi ĉion. Jen la montrejo pri industrio kaj milito; ĉio, kion la homa genio eltrovis por progresigi kaj faciligi materian civilizon kaj paralele ĉio, kion ĝi inventis por detrui kaj neniigi ĝin plej rapide kaj efike.

Jen la ĉambroj pri modernaj nacioj: historio, geografio, ekonomio, specimenoj, bildoj, grafikoj. Sed tiun parton oni nur komencas. Mankas materialo pri multaj regnoj. Malplenaj restas la pretaj salonoj. Ideo venis en nian kapon.

Mi proponis ĝin al S-ro Otlet, kiu entuziasme ĝin akceptis. Ĉiu nacia societo esperantista laŭvole prenus sur sin la plenigon de la salono pri sia lando. Temas ĉefe kovri la murojn per taŭgaj ilustraĵoj kaj dokumentoj. La surskribojn oni farus en Esperanto kun eventualaj specimenoj de la nacilingvo. Jam kelkaj naciaj esperantosocietoj aliĝis al la ideo kaj fervore preparas la materialon kiuj utilus havigi dokumentojn, planojn, bildojn, prospektojn aŭ specimenojn pri ĉiu aparta regno:

1. Geografio.
2. Tero, bestoj, arboj
3. Popoloj, gentoj, kostumoj, scenoj, statistiko.
4. Pejzaĵoj.
5. Urboj.
6. Grandaj institucioj.
7. Ŝildo, flago.
8. Kolonioj.
9. Historio.
10. Religio.
11. Konstitucio, Parlamento, Regnestro.
12. Socio, kooperativoj.
13. Financoj, ŝuldo publika.
14. Instruado.
15. Pezoj, mezuroj, mono.
16. Lingvoj, dialektoj.
17. Scienco, scienculoj.
18. Industrio, komerco, terkulturo.
19. Navigado, fervojoj, poŝtmarkoj.
20. Artoj, literaturo.

Oni rajtas aldoni N-ron 21. Esperanto-movado enlanda.

Por plua informado sin turni al S-ro Paul Otlet, directeur du Palais Mondial, Bruxelles aŭ al la delegito de UEA, D-ro Paul Kempeneers, 20, rue aux Laines, Bruxelles.

*E. P.*



## LINGVAJ STUDOJ



# La evoluo de Esperanto

de *H. Sakaria.*

II

Kiom kaj kiel la *gramatiko* evoluis ? Atenta esploro certigas ke — senteble, precipe en la unuaj ses jaroj. Jen kelkaj ĝiaj ĉefaj sekvoj :

*a)* Malapero de neniel pravigeblaj formoj kiel la rusaĵo « antaŭe ol fini » (finonte) en la « Dua libro » aŭ « k i o » (poste « kion ») li parolas (anst. por kio, kial) samtie.

*b)* Necese skrupula ekuzado de « si », kies aplikado en la unuaj verkoj kaj eĉ sur la paĝoj de la unuaj jarkolektoj de « Esperantisto » estis tre arbitra : « Sub arbo, sub verda ni sidis, tenante sin (en Fundamenta. Krestomatio, p. 326 « nin » korektita) koro ĉe koro » ( « Unua libro »), « Veninte en ŝian (-sian) ĉambron » (« Neĝa blovado »), « Anstataŭ provi per ilia (!) propra orelo, ĉu nia lingvo estas bonsona aŭ ne, — ili teorie parolis » (« Dua libro »).

*c)* Malapero de nenecesa kaj germaneca « ĝi » en sensubjekta propozicio respektive propozicio kies aldona propozicio estas ĝia efektiva subjekto, — samtempe, definitiva fikso de la kutimo, en tiaj cirkonstancoj adverbigi la predikatan komplementon. Jen kelkaj « antikvaĵoj » tiaspecaj : « Ĝi estas komprenebla per si mem, ke la juna homo brulis » (« Neĝa blovado »), « ŝajnis tute neebla, ke » *(Esperantisto* N-ro 3, 1892) — tre tipa ; « amase stari sur la strato estas malpermesita » (el la Ekzercaro en la « Dua libro » !) — tre ofta, eĉ nun kelkfoje defendata.

*ĉ)* Stabiliĝo de la uzado de « da », komence oftete uzita jene : « Se mi skribus gazeton, kiom legantojn ĝi ricevus ! » («Dua libro ») ; « oni ilin tiom fojon nomadis)... » (« Princidino Mary »).

*d)* Laŭpova evitado de la akuzativo ; ĝia anstataŭado per prepozicioj. Ne ŝatataj ja estis kaj estas tiaj « antikvaĵo» kiel « koniĝi tiun ĉi lingvon » (« Dua libro ») « Mi komencis ricevi multon (nun pli ofte la neŝanĝata « multe ») da leteroj ». Sed cetere plena ekstermiĝo de tiuj formoj ne estas videbla. Male, nuntempa gramatikisto D-ro Walter Lippmann (« Dr. Zamenhof's Sprachliche Gutachten », 1921, p. 42-3) preferas « multon » kaj rekomendas ĝin al la esperantistaro.

*e)* « Ĉi » estas uzata egalrajte antaŭ aŭ post la korelata vorto.

El la komenca hazarda uzado devenis tiaj malkompreneblaĵoj, kia « neĉitiea » (« Princidino Mary »). Laŭ peto de E. H. (tre verŝajne E. Hall). D-ro Zamenhof en *La Esperantisto* (N-ro 5, 1892.) Klarigis : « La esprimo » « Ĉi-tiea » (adjektivo de tie ĉi) estas tute regula.

J. Lojko (traduko de fabloj de Esopo, sen uzo de la arti-

*f)* La artikolo estas ellasebla : Provoj, faritaj de kolo) kaj kelkaj aliaj, montris, ke la artikolo, malfacila por slavoj, estas evitebla. En *Esperantisto* (N-ro 2, 1891), Zamenhof ne malaprobras tion, sed ankaŭ ne konsilas ĝin. En la gramatiko de « Universala Vortaro » li la regulon klarigas per tiusenca noto, tamen per tio ne rompante la « fundamenton » sed sur pere substrekante, ke ja la unua regulo enhavas nenian devigon al la uzado de la artikolo.

La ellaboriĝo de tiuj ĉi sekvoj de la evoluo gramatika de Esperanto estas dokumentita per unu el la plej gravaj libroj de nia literaturo : la *Ekzercaro*, aperinta en septembro 1893. La redakcio de *Esperantisto* atentige diris, la unua libro estis destinita por sistema lernado. Ĝi estis io multe pli grava : trezoro en kiu kolektiĝis la lingvaj s p e r t o j de la unua esperantisto, m a j s t r o Zamenhof.

Dum la « ekzercaro » trovebla en la « Dua libro » prezentis lingvaĵon ofte malglatan kaj iom krudan — kiel mi jam montretis — en la nova libro la lingvo estas eleganta, facila, logika, polurita per la komuna laboro de Zamenhof kaj liaj diligentaj kunlaborantoj. Efektive la dua *Ekzercaro* estas frukto ne nur de la persista verka laboro de Zamenhof, — potenca instigo al la ellaboro de la definitiva stilo estis ankaŭ la multego da demandoj pri dubaj punktoj kaj reguloj, kiuj, — mi pensas — malfermis al Zamenhof ofte — tute ne intencite de la demandinto — novajn verojn, pli bonajn labormetodojn kaj esprim-rimedojn. Ankaŭ konsilojn li ricevis, utiligeblajn por la bono de la lingvo. Oni legu nur la lingvajn respondojn (1) en *La Esperantisto*, por vidi kiel vasta lia tiama korespondado estis. Estante ĉiam ĉe la koro de la movado, redaktante la *Esperantiston*, D-ro Zamenhof plej unue kaj plej bone povis percepti la esencajn flankojn de la jam matura strukturo de la lingvo. Ĝin li precize formulis per la « Ekzercaraj » ekzemploj nek rigidaj, nek matematikaj sed vere spegulantaj la tutan spiriton de la lingvo.

Kiel la Zamenhofaj vortaroj sekvigis post si centojn da aliaj leksikaj verkoj, tiel ankaŭ la *Ekzercaro* sekvigis aliajn detalajn gramatikajn verkojn. Ilin eĉ citi ne estas ĉi tie eble. Por la senpera evoluigo de la gramatiko ilia signifo estas malgrava kvankam por la instruado de la jam atingito ili povas havi valoron netakseblan. La Lingvaj Respondoj (2) de D-ro Zamenhof sendube enhavas ĝermojn de estontaj pliperfektigoj de la gramatiko de la lingvo, sed dank' al la nerapida antaŭenpaŝo de la lingvo, la estontaj ŝanĝiĝoj kaŝiĝas por ni malantaŭ densa vualo de la nekonateco.

---

(1) Tre bedaŭrinde estas, ke plena represaĵo de ili ne aperis. Nur ekstraktojn — verdire, la esencajn, sed tamen fragmentojn — prezentas la « 2-a kolekto » aperinta en « Oficiale gazeto ».

(2) Precipe tiuj el la 1907 kaj 1911 jaroj.

# Esperanto en aliaj kongresoj

Ni intencas kiel eble informi niajn legantojn pri ĉiuj kongresoj anoncintaj ke ili uzos Esperanton, ĉu kiel diskutlingvon, ĉu kiel solan tradukilon de la diverslingvaj raportoj. Pri la tendenco religia, socia aŭ politika de tiuj kongresoj ni neniel respondecas. Estas ilia afero, ne la nia. Por helpi la sukceson de la provo, la esperantistoj ilin partoprenas tute libere laŭ siaj personaj konvinkoj.

**Internacia Katolika Kongreso.**

*Dato :* Julio aŭ Aŭgusto. *Loko :* ....... (Nederlando) Ĝi estos verŝajne la plej multenombra, ĉar la Katolikaj uzantoj de Esperanto fariĝis tre multnombraj lastatempe.

La *Katolika Espero* plej malnova esperanta revuo redaktita de Pastro Ramboux, regule aperas kun interesa enhavo. Aliflanke aperas KATOLIKA MONDO, formato de taga ĵurnalo. Nuna prezidanto de la Internacia Katolika Unuigo Esperantista estas Pastro Meŝtan en Vieno.

Ni reparolos pri tiu kongreso tuj kiam la dato estos fiksita. Por informoj sin turni al :

Pastro G. Ramboux,
22, Cours Albert Ier, Paris (VIIIe).

**Interreligia Kongreso por Paco.**

31 Julio—2 Aŭgusto en Hago (Nederlando). Ni jam publikigis leteron pri la celo de tiu kongreso atingi pli da kompreno kaj toleremo inter diversaj kulturoj kaj gentoj de Oriento kaj Okcidento kaj unuigi ĉiujn bonvolojn de sinceraj religiuloj aŭ etikuloj por labori por vera paco. Sur tagordo interalie : Homaranismo de D-ro Zamenhof kaj Interreligia pacmovado en Hindujo.

Aliĝo : 3 guldenoj. Informoj ĉe S-ino Isbrücker, 32, Oostduinlaan, Hago.

**Internacia Konferenco de gvidantoj de pac-movado junulara.**

12—24 Aŭgusto en Ommer (Nederlando). La partoprenantoj loĝos plejmultaj en aparta tendaro, kiel lastjare okazis en Bierville.

**Internacia religia-socialista kongreso.**

30 Aŭgusto—2 Septembro en Le Locle, ĉe franca landlimo inter Besançon kaj Neuchâtel (Svislando). Tiu kongreso kunigas partianojn de « absoluta konvinko », kiuj vidas en socialismo kaj kontraŭmilitismo la realigon de sia konscienca kredo.

Informoj ĉe S-ro Henry André, arkitekto, Morges (Svislando).

**Internacia Kongreso pri Edukado** dum somero de venonta jaro 1929 en Kopenhago tiu kongreso, okazonta post unu jaro kaj duono sekvos al tiu de Locarno en 1927, kie mil edukistoj diskutis temojn de pedagogio kaj pro la lingvaj malfacilaĵoj decidis sekvi la ekzemplon de la Praha Paceduka Konferenco rilate al Esperanto.

Informoj ĉe Internacia Oficejo de Edukado, 2, rue Charles Bonnet, en Genève.

---

# Kiel traduki paroladon ?

*Plej tede estas traduki frazon post frazo. Tion oni ne plu faras. La tradukisto notas dum parolas la kongresano kaj, post kiam tiu residiĝis, li ekstaras kaj resumas la paroladon Esperanten. La sistemo taŭgas por paroladoj dek ĝis dek-kvin minutaj. Se ĝi daŭrus pli longe necesus haltigi aŭ aranĝi jam antaŭe dividon en du aŭ tri partoj.*

*Kiamaniere la tradukonto skribu sur sian notlibron ? Ĉu li stenografu ? Ne, ĉar tiam li havos du taskojn, kiam li staros antaŭ la publiko : unue deĉifri la stenografaĵon kaj due traduki esperanten. La publiko sentos la troan klopodadon kaj tediĝos.*

*Kontraŭe li devas noti ne en la lingvo parolata, sed en la parolota, li devas jam prepari en esperanto sian tradukon aŭ pli ĝuste sian resumon. Se parolado daŭris 10 minutojn, sufiĉas inter 4 kaj 6 por trafa resumo. Laŭvorta traduko samlonga estas terure enuiga kaj seka afero, sen ia efiko sur aŭdantoj. Necesas noti la ĉefpunktojn, eventuale trafan rimarkon aŭ spritan ŝercon. Akurate skribu ciferon aŭ nomon cititan. Se la parolanto ripetas saman argumenton, forstreku unufoje, lasante ĝin en la pli taŭga loko. Preskaŭ ĉiuj faras tion. Profitu ĝin por gajni tempon.*

*Bona tradukonto ne skribas troe por ne perdiĝi en siaj notoj. Dum la tuta aŭskultado li preparu sian postan laboron por esti tute preta kaj ne tedi la aŭdantaron per serĉado kaj ŝanceliĝado. Li neniam hezitu aŭ korektu sin. Pli bone iri antaŭen kaj diri novan pli ĝustan frazon.*

*Kiam venas lia vico, li levu la nazon el sia notlibro, parolu klare, laŭte, ne trorapide, kun la nura sed forta volo komprenigi al ĉiuj tion, kion celis la parolinto. La tradukisto evitu ĉiun nerektan esprimon aŭ komplikaĵon. Li ne rediru la tutan tempon : « Sinjoro delegito diris, Sinjoro delegito argumentis, Sinjoro delegito konkludis, ktp. » Sufiĉas klare eldiri unufoje en la komenco la nomon kaj landon de la parolinto kaj poste flue paroli* kvazaŭ li mem *en rekta maniero kaj unua persono, akcentante gravajn argumentojn per decida trafa laŭtaĵo : « Neniam nia grupo akceptos similan proponon kian faris la raportinto. »*

*Absolute necesas, speciale se la parolado estis malklara, indiki en la fino la akuratan intencon de la parolinto : « Ni voĉdonos por » aŭ « Ni voĉdonos kontraŭ tiu aŭ alia propono. »*

*Entute la arto de paroltraduko estas tre interesa, sed laciga. Unu homo ne povas deĵori sole. Devas esti laŭeble du por granda kunveno. Sed nenia laboro estas pli lertiga kaj instruiga pri ambaŭ lingvoj, la aŭdata kaj la uzota.*

*Konkursoj de tradukistoj estus plej utila kaj urĝa novaĵo en niaj grupaj kunsidoj kaj poste en niaj naciaj kongresoj, kie la aŭdantaro kapablas kontroli la sencon. Poste ni povus provi en niaj universalaj.*

**Edm. P.**

# KRONIKO

## Aŭstrio.

*Graz.* — La bona ekzemplo de Wien jam efikis. Ankaŭ en Graz ekzistas policanoj parolantoj Esperanton kaj montrantaj tion.




*Krems.* — Festvespero 10-XII-27.

*Leoben.* — Ĝenerala kunveno. Elekto de S-ro Krainz kiel P, S-ro Fassmann VP, F-ino Weber, K.

*Linz.* — Ankaŭ en tiu-ĉi urbo oni konsentis, ke la policanoj sciantaj E portu sur maldekstra brusto la ŝildeton kun surskribo « Esperanto ».

*Wien.* — En realgimnazio III kurso, gvid. de profesoro Jokl. 30 anoj. En burĝa lernejo III kurso gvid. de S-ro Smital.

— Societo Danubio : Vigla vivo. Rusa kulturvespero. Prelegoj Zamenhofa soleno 12-XII-27 Festparolado de S-ro Zimmermann. Lumbildoj pri la majstro el lia vivo ĝis la morto. Deklamoj. La societo akiris 42 librojn por la biblioteko.

— Esperanto Organizo de la ofichavantoj aranĝis grandiozan festkunvenon. Paroladoj de profesoro Jokl kaj D-ro Sos. Bonega vizito. Gastoj, geedzoj Balkanyi el Budapest, varme akceptitaj.

— Enkonduko de E. kun permeso de la ministerio en la instruplanon de la Faka lernejo por instruistoj en Strebersdorf apud Vieno. Estas la unua porinstruista lernejo en la lando, enkondukinta Esperanton. Instruas S-ro Smital.

— En la Burgenland E. komencas ekvivi. En Eisenstadt S-ro profesoro Morascher gvidas kurson kun 31 p.

## Belglando.

*Antverpeno.* — La 3-an de Novembro malfermiĝis kurso organizata de la « Komerca Grupo » kaj gvidada de S-ro M. De Ketelaere. — La 12-an, la unua vintra balo de « La Verda Stelo » brile malfermis la serion de la Grupaj festetoj. — La 26-an la Grupo amike akceptis S-rojn Hans Jakob, Direktoro de UEA. el Genève kaj S-ro Ellersiek, el Berlino. — La 1-an de Decembro malfermiĝis kurso organizita de « La Verda Stelo » kun 25 novaj lernantoj. — La 10-an de Decembro, la dua vintra balo kunigis multajn Esperantistajn dancemulojn.

## Britlando.

*Bournemouth.* — Kurso kun 9 lernontoj, kiu kunvenos ĉe 119 Pine Road, Winton, 7.30 vendrede

Kurso ĉe Melcombe, Portfield Road, Christchurch, lunde 7.30.

Supera kurso ĉe 18-a Grand Avenue, West Southbourne, je 7.30, merkrede. Ĉiu kurso senpaga por laboristoj.

*Bourneville.* — Esperanto estas enkondukita en la temaron de la Girls' Day Continuation School. Estas kvin kursoj, kun pli ol cent lernantinoj. La plimulto laboras ĉe la fabrikejo de Cadbury. Ĉiu montras grandan intereson, kaj kelkaj intencas kongresi en Antverpeno.

*Liverpool.* — Nova kurso de Victoria Settlement, Netherfield, marde, 8.0.

*London.* — Workers' Educational Association (London District) eldonas liston de siaj kursoj, inter kiuj troviĝas Esperantaj kursoj ĉe Wandsworth, Fulham, Hammersmith, Hendon, West Ham, kaj Wimbledon. Estas bone noti la daŭran kreskon de intereso pri Esperanto ĉe la kursoj de W. E. A.

*London, S. W.* — Grupo ĉe la S. W. D. O., kiu konsistas el 21 mebroj, filiiĝis al la B. E. A. sub la nomo Viktoria Esperanto-Grupo. Sek., H. White, ĉe S. W. D. O., S. W. 1. Kunvenoj jaŭde, 10.30.

*London, Wimbledon.* — S-ro R. A. M. Kearney, B. A., D.B.E.A., anoncas novan kurson ĉe 95 Cromwell Road, kaj sendos detalojn pri vespero al interesitoj.

*Motherwell, Skotlando.* — Nova grupo, kiu filiiĝis al la B. E. A. Sek., J. G. Kinniburgh, Kylepark, Uddington. Kunvenoj : Dalziel High School, marde kaj vendrede, 8.30. Oni enkondukis Esperanton en la temaron de la Vesperaj Lernejoj. Gratulon !

*St-Andrews.* — Post serio de leteroj al la redaktoro de loka jurnalo oni anoncis kurson de Esperanto en la kolegio Madras. La malferma parolado estis farita de S-ro J. M. Warden al 33 ĉeestantoj.

*Southport.* — Nova Sekretario : F-ino E. Kay, 7 Bridge Grove. Supera kurso en Science and Art Schools sub la W. E. A., merkrede, 7.15, kaj elementa kurso samloke sub la Southport Education Authority, vendrede, 7.15.

## Bulgario.

Pliviglîĝo de la movado post la verda semajno. Ĉefurba gazetaro informas pri kursoj de E. en urboj kaj vilaĝoj.

*Lom.* — Kvar kursoj : 1. urbanoj ; 2. gimnazianoj ; 3. turkoj ; 4. por hebreoj. Mihalci (Vilaĝo en Tirnova regiono) Kurso gvid. de F-ino Cvetana K. Jamakova, 15 anoj, Kurso por knaboj gvid. de S-ro Janĉo Jotov, D de UEA.

*Batiŝnica* (Bela regiono). Kurso kun 15 anoj, gvidada de S-ro Mandov, instruisto.

*Dolna Gnojnica* (Rahova regiono). — Kurso kun 15 anoj. Gvidas : Georgi Savov, poŝtresto.

*Ruse.* — Tri kursoj en la Knabina gimnazio. Ĉeurbana kurso

kun 27 anoj. Ambaŭ gvidas Iv. Kotov. Kurso en Ĉarpentista lernejo kun 45 anoj : gvidas Marin Ivanov.

*Sofia.* — 14-XII-27 : Zamenhofa festo en solena intimeco. Parolis kapitano Radev, S-ino Lidia Ŝiŝmanova k. a., S-ro Z. Jordanov gvidas kurson por fervojistoj.

*Sofia.* — Inter la kursoj de fremda lingvoj aranĝataj de la Direkcio Poŝta, komencis laŭ konsento de la direkcio esp. kurso. Ĝin gvidas S-ro Zah. Zahariev.

## Danzigo.

FAVORA DEKRETO DE LA REGISTARO DE DANZIGO

La Ĝenerala Sekretario de I. C. K. en Genève informas nin pri sukceso atingita sekve de aparta peticio de Danziga Esperanto-Asocio. La Danziga Senato publikigis la jenan dekreton :

*Esperanto-Intruado en Elementa Lernejo.*

Sekve de tiucela peticio de la Danziga Esperanto-Asocio ni konsentas pri la organizo de ne-devigaj Esperanto-kursoj en la supera ŝtupo (6—8 lernjaro) de la Elementaj Lernejoj, se ekzistas taŭgaj instruistoj kaj instruistinoj por tio. La laŭplana instruado ne devas esti malhelpata per tiuj kursoj. La Esperanto-lecionoj devas okazi ekster la tempo de la instrua horaro. La kostojn devas porti la kurspartoprenantoj mem.

Peticioj pri permeso devas esti adresataj al la kompetentaj distriktaj instru-konsilantoj, kiujn ni rajtigas memstare decidi pri tio.

Danzigo, la 10 Novembro 1927.
W II b 9-7.
La Senato,
Sekcio por scienco, arto kaj popolklerigado

La dekreto estas publikigita en la « Oficiala Lerneja Informilo de l'Elementaj Lernejoj de la Libera Urbo de Danzigo », N-o 6, paĝo 27, de 1 Decembro 1927.

## Irlando.

*Dublino.* — Ĉe Rotaria Klubo, S-ro Mortished Prezidanto de la Irlanda Esperanto-Asocio, faris prelegon pri Esperanto je la 2-a Januaro, kaj bonaj raportoj aperis en la Irlandaj ĵurnaloj.

— La Irlanda Esperanto-Asocio havigis novan kunvenejon en Dublino, la Leinster Starta Ĉambro, kaj de nun kunvenos ĉiu vendredo vespere ja la sepa kaj duono. (Sek ; 5 Mount Eden Road, Dublin, S. E. 1.)

— Elementa Kurso sub S-ro F. R. A. McCormick komencis la 6-an Januaro ĉe la kunvenejo de la Asocio.

## Libio.

*Bengasi (Cirenaiko).* — En tiu havenurbo de la progresanta itala kolonio afrika nia samideano ĉefredaktoro Gino Catarzi propagandas por nia afero, kunlaborante kun I. C. K. en Ĝenevo. Ni esperas, ke ankaŭ tie tre baldaŭ ni havos rondon da aktivaj indiĝenaj esperantistoj.

## Insulo Sta. Tomaso (Afriko).

*St-Thomas.* — Post prepara korespondado kun I. C. K. en Ĝenevo, pri lerniloj ktp. nia nigra samideano, S-ro M. M. Pina, delegito de UEA, komencis kurson por indiĝenoj. Gazetara propagando estas komencita jam antaŭ kelkatempo.

## Pollando.

*Bielsk-Podlaska.* — Post klopodoj de S-roj Sudlitz kaj Witkowski, E estas enkondukata en la Popola Universitata. Kurso kun 80 anoj.

*Bialystok.* — 15-XII-27, Zamenhof festo. Ducent personoj. Deklamado. Prezentado de esp. diskoj. Kontentiga vendo de libroj. 26-XII-27, Prelego de S-ro Ŝapiro. 40 personoj. Novaj UEA anoj varbitaj.

*Katowice.* — 7-XII-27, Zamenhof festo. 80 personoj. Pollingva parolado de S-ro Broder, germanlingva de S-ro Kloss. Prezento de diskoj « Tri Ergon ». Lotumado de esp. libroj.

*Lublin.* — Loka filio de « Pea » vigle eklaboris. Membraro nuna 50 p. 2 kursoj. Surstrata propagando. Prelego de D-ro J. Medrkiewicz.

*Zabierzow.* — Kurso inter fervojistoj. — Gvid. : S-ro Fudro, delegito de UEA. 30 anoj.

## Rumanio.

*Bucuresti.* — Post propagando pergazeta de S-ro Harabagiu, del. UEA., S-ro Prager malfermis tri sinsekvajn kursojn publikajn tre vizitatajn, en Evangelia Lernejo. Antaŭ la kursoj sukcesajn enkondukajn konferencojn faris S-ro H. Fischer, L. K.

Vigla komitato de S-roj Prager, Harabagiu kaj Rabinovici preparas rumanan represon de antaŭmilita ŝlosilo.

Fondaĵo donacita de S-ro Prager ebligis al Rum. Esp. Soc. eldonon de pluraj propagandaj presaĵoj praktikaj bonaspektaj.

*Cluj.* — 28 Novembro, Konferencis pri esp. S-roj Paraschivescu kaj Jakobovics. Publikan kurson malfermis S-ro Morariu en rom. kat. liceo.

*Causanii-Noi.* — Nova teatro-kino ricevis titolŝildon « Esperanto ». Teatrestro : M. Rabinovici, « baptopatro » : N. Contarji.

## Ruslando.

El 12 ekstersovetaj landoj de Eŭropo kaj Azio, 23 invititaj esperantistoj pasigis en USSR 3—4 semajnojn, dum lasta Novembro okaze de la grandaj festoj de la 10-jara datreveno de la revolucio.

Ili vizitis la urbojn : Moskva, Leningrad, Kiev, Ĥarkov, Smolensk, Minsk, Tverj k. a.

Okazis 4 radiodisaŭdigoj en Esperanto el Moskva Radio-stacio « Komintern » kaj unu el Kieva radio-stacio.

La esp. delegitaro partoprenis la Mondkongreson de l'amikoj de USSR, kie ĝi sukcesis kolekti 250 subskribojn (25 % da kongresanoj !) sub la deziresprimo pri akcepto de Esperanto. La esp. delegitaro estis kinematografita en aparta grupo. Okazis internacia konferenco por laborista korespondado.

Reprezentantoj de la esp. delegitaro partoprenis kunvenon de moskvaj laboristaj korespondantoj. Raportinto pri la internacia laborista korespondado rimarkigis, ke la vivo mem progresigis du manierojn de la internacia laborista korespondado : Esperanto kaj fotokorespondado. La invititoj vizitis multajn sovetiajn instituciojn, fabrikejon, kazernojn de la Ruĝa Armeo k.t.p. En la bankedo, aranĝita de Moskva Soveto por honorigi la gastojn, prezidanto de l' Popolkomisararo kamarado Rikov toastis : « Vivu Esperanto ! »

La invititaj esperantistoj uzis Esperanton kaj tiel faris gravan propagandon por Esperanto kaj SAT. J. N.

## Svedlando.

S-ro Andreo Ĉe, konsilanto de la Internacia Centra Komitato vojaĝas propagande en tiu-ĉi lando. Invitis lin urbestro Lindhagen kaj la Sveda Esperanto-Federacio. Necesis interveno de Princo Karlo por ke pastro Ĉe, ricevu forpermeson de la Episkopo. Nun jam li vizitis la plimulton de lokoj kaj ĉie vigligis la movadon. Gazetoj ĉie favore raportis. Li bone impresas per sia personeco kaj paroloj. Ke li ĉiam havu forpermeson ! En *Stockholm,* gastigita ĉe urbestro Lindhagen S-ro A. Ĉe parolis, montrinte sian bonegan instrumetodon por lecionoj ĉe vesperkursoj de la Laborista Kleriga Asocio (Beskowska Skolan). Kurso por gvidantoj laŭ peto aranĝita de la Sve-

de Federacio. Surpriza vizito de S-ro Leo Belmont el Varsovio kiu sprite kaj elokvente alparolis la kunvenintojn.

Ekster tio, S-ro Ĉe paroladis antaŭ reprezentantoj de la Ĉeĥoslovaka, Hungara kaj Rumana Legacioj kaj antaŭ anoj de la Internacia Klubo. Parolado en Klubo de kontoristinoj : Temo : Esperanto kaj Komerco.

*Eskilstuna.* — Parolado et la tiea radio-stacio. En *Nynäshamn, Södertelje* kaj *Upsala* paroladoj.

En *Gävle* vizito de gazetoj kaj estraro de lernejoj. Kunhelpis S-ro Helsing. Publika parolado de la Liceo, kaj poste en najbaraj lokoj Skutskär kaj Hedesunda. Interpretis S-ro A. Liljemark. Hudiksvall : Parolado ĉe Bontemplanoj. Interpretis S-ro G. Johansson. Gazetaro favora. Represo de intervjuoj.

*Sundsvall.* — Parolado pri Rumanio ĉe Radio-stacio, sen traduko. Parolado ĉe Bontemplanoj. Plej norda loko vizitita estas Hernösand. Intervjuo kun gazetisto ; publika kunveno kun 50 vizitantoj. — S. J.

*Malmö.* — Parolado de S-ro A. Ĉe 28-XII-27. 150 personoj. Granda intereso, favora gazetaro. — E. A.

**Svislando.**

*Bern.* — Zamenhofa festo.

*Genevo.* — Zamenhofa festo. Vendo de libroj por 80 fr.

*Luzern.* — Kurso kun 12-anoj. Gvidas S-ro J. Forster, instruisto.

*Lyss.* — Nova kurso por komencantoj gvidata de S-ro Ernst Scheurer, delegito. Partoprenas 12 personoj, inter ili 3 fervojistoj kaj 2 poŝtistoj.

*Val de Ruz.* — Kurso ĉe Centro de Laborista Eduko, 12 anoj gvidas profesoro Perrenoud en Cernier.

# Esperanto inter universitatanoj

## Unua kongreso de la Franclanda Esperantista Universitata Federacio.

Toulouse, 27—30 Decembro 1927.

S-ro Herriot, ministro de Publika Instruado akceptis la honoran prezidon. Li delegis la rektoron de la Toulousa Universitato por reprezenti lin. La patronada komitato de la kongreso enhavis aron da sciencaj aŭtoritatoj, inter ili profesoron Durrbach, dekano de la Literatura Fakultato, membro de la Franca Instituto, kaj S-ron Gasserat, direktoro de la Observatorio, ano de la Scienca Akademio; Profesoron Abelous, dekano de la Medicina Fakultato ; profesoro Camochel. direktoro de la Elektroteknika Inĝeniera Instituto, proferoson Nicolas, direktoro de la Agrikultura Instituto. El eksterlando venis D-ro Edmond Privat kaj profesoro Bujwid por alporti la moralan subtenon de la Internacia Centra Komitato kaj de la Internacia Scienca Asocio Esperantista.

27 Decembro: oficiala akcepto per la urbestraro en la urbdomo. La urbestro, S-ro Billieres bonvenigis la kongresanojn per varmaj vortoj. En la nomo de la Loka komitato S-ro Badin dankis. Tuj poste okazis la solena malferma kunsido en la festsalono de la Univ. esp. klubo. La estraro konsistis : S-ro Drech, rektoro de la Universitato, prezidanto, Inĝ. Salles kaj Stud. Sultan sekretarioj. Malferma parolado de la prezidanto, transdoninte la salutojn de la ministro kaj de la universitato. Salutparoladoj de D-ro Privat nome de ICK, de profesoro Bujwid por ISAE, de S-ro Morly por la S.F.P.E. kaj de delegitoj de aliurbaj universitataj kluboj. Laŭtlego de leteroj kaj depeŝoj alvenintaj grandnombre. Vespere parolado de D-ro Privat en Radio-stacio Toulouse (franĉe kaj en Esperanto). Poste li prelegis en la salono de la ekspoziciejo, sub prezido de S-ro Beaumel. « Temo : Esperanto vivanta lingvo » Laborkunsido je la 28-a Decembro en la Granda Liceo. S-ro Despeyroux prezentis la moralan kaj S-ro Croisat la financan raporton de la federacia, la delegitoj tiuj de siaj kluboj. Vigla diskuto pri organiza sistemo kaj pri propaganda taktiko.

Voĉdono de deziresprimo: Peti la ministerion de Instruado oficialigi la diversgradajn diplomojn pri Esp. studado, donataj de la S. F. P. E. Oni decidis krei Centran Oficejon por universitataj informoj kaj instigi la universitatajn oficejojn francajn fari provon kun uzo de E. por la eksterlanda korespondado.

Vespere en la amfiteatro de la malnova Literatura Fakultato, sub prezido de la rektoro, franclingva parolado de D-ro Privat pri « Lingvoj en Internacia Vivo ». 200 ĉeestantoj, inter ili la anoj de la patronadkomitato kaj eksterlandaj studentoj. Granda sukceso kaj disaŭdigo per la radio-stacio.



*Toulouse: Grupo de stud. kongresanoj.*

30 Decembro 1927 : lastaj laborkunsidoj. S-ro Zylberstejn raportis pri la laboro de la komisiono por eksterlandaj rilatoj kaj la stato de la esp. movado en universitataj rondoj Oni decidis inviti la ICK meti en tagordon de la 20-a kongreso la temon « Esperanto en Universitato » kaj okazigi tie diskuton inter reprezentantoj de ISAE, TEKA TAGE, juristoj kaj studentoj.

La kongreso elektis kiel prezidanton de la federacio S-ron Cotton, profesoro ĉe la Sorbonne, ano de la Scienca Akademio. La Plenuma komitato por 1928 konsistas el : Magistro Despeyroux, Lyon, ĝen. sekretario ; stud. Zylberŝtejn, Toulouse, sekretario por eksterlandaj rilatoj ; magistro Le Bourhis, Rennes, gazetara sekretario; inĝ. Croisat, Lyon, kasisto. D-ro Privat, profesoro Bujwid kaj profesoro Cart estis elektitaj konoraj membroj de la Federacio.

Post sukcesa bankedo en ĝoja atmosfero la kongres finiĝis. La venonta okazos en Grenoble. Funkciis dum la kongrestagoj bela ekspozicio altirinta kelkcenton da vizitantoj. Gazetaro atentis kaj dediĉis favorajn artikolojn. Kongresano.

# Akurateco eĉ en polemikoj

S-ro Montagu C. Butler el Londono nepre deziras remalfermi polemikon pri landnomoj kaj dissendas pri tio propagandilon plenan je gravaj mankoj pri faktoj kaj vero. Li citas rezolucion de Vieno, sed forigas unu paragrafon, kiu ne plaĉis al li. Li priskribas sintenon de UEA ne konforman al la nunaj faktoj. Li riproĉas al ceteraj ne sufiĉe submetiĝi al Lingva Komitato, sed li mem uzas radikojn kaj afiksojn (kiel -end) rifuzitajn de L. K. Fine li citas kiel ekzemplojn de lingva fideleco eĉ personojn, kiuj kaŝe simpatias al nova mondlingvo.

Iam S-ro Butler bedaŭros, ke lingva fanatikeco lin blindigis tiel danĝere kaj li konstatos, ke UEA pli ol li respektis la lingvon de Zamenhof. (Red.)




# INVITO AL ANTVERPENO!

Karaj Gesamideanoj,

» Antaŭen do por Esperanto
» Venu al ni el ĉiu monda land'. »

Por la dua fojo en la historio de Esperanto, la mondkonata urbo Antverpeno havas la honoron inviti la tutmondan Samideanaron al Universala Kongreso.

Kvankam en la nunaj postmilitaj tempoj, la vivcirkonstancoj estas tre malfaciligataj kaj la aranĝoj de internaciaj kunvenoj kaj festoj influataj de la multekosteco de la vivo, tamen la sukceso kiun havis la 7-a Universala Esperanto-Kongreso en 1911 instigis la en Antverpeno restantaj membrojn de « La Sepo por la Sepa », akcepti de Belga Ligo Esperantista la taskon inviti la tutmondan Esperantistaron por festi en Antverpeno la dudekan mondkongreson.

Multnombraj allogaĵoj altiras al nia fama belga urbo la Esperantistojn kaj nome la faktoj ke Antverpeno estas la unua urbo en Belgujo, kie Esperanta lingvo profunde enradikiĝis ; ke la sepa kongreso kun siaj 1800 partoprenantoj estis vera sukceso, kompare kun la ses antaŭaj ; ke Antverpeno estas la fama arturbo de Rubens, Van Dyck, Teniers, Breughel, Quinten Metsys, Plantin, kaj konservas en siaj muzeoj multnombrajn artaĵojn kaj memoraĵojn pri tiu fama flandra artepoko ; ke nia urbo estis dum la mezepoko unu el la plej brilaj fokusoj de la Renesanca kulturo kaj ke en la nuna tempo ĝi estas la plej granda kaj plej grava havenurbo de la kontinento.

Ĉiuj novaj haveninstalaĵoj kaj la triobla pligrandiĝo de la urba teritorio igos ĝin post kelkaj jaroj la plej potenca marhaveno de la mondo.

Kun siaj belaj avenuoj, stratoj kaj placoj intermiksitaj de brilegaj florĝardenetoj, luksaj magazenoj kaj lumplenaj kafejoj, kun siaj grandaj kaj belaj parkoj, kun siaj artoplenaj preĝejoj kaj muzeoj Antverpeno, urbo kosmopolita, estas ja la plej alloga urbo de Belgujo por inciti la Esperantistaron, elekti ĝin kiel urbon de la 20-a kongreso.

La Belga Ligo Esperantista, la Antverpena kaj la tutbelga Esperantistaro invitas vin ĉiujn, por ĉeesti tiun 20-an Universalan Kongreson.

La Organiza Komitato preterlasos nenion por kontentigi ĉiujn, eĉ la plej malfacile kontentigeblajn samideanojn.

Semajno da laboro, da festoj, da entuziasmo, da kunfratiĝo atendas ĉiujn partoprenontojn.

Venu do, karaj Gesamideanoj de la tuta mondo, la Loka Komitato, Belgujo, Antverpeno sendas al vi sian

PLEJ KORAN BONVENSALUTON !

Loka Kongresa Komitato.

## PROVIZORA PROGRAMO DE LA 20-a KONGRESO UNIVERSALA

*Merkredon, 1 Aŭg.:* Malfermo de la oficejoj en la Akceptejo.

*Ĵaŭdon, 2 Aŭg.:* Vespere. Eventuale, por la jam alvenintaj kongresanoj, intima kunveno.

*Vendredon, 3 Aŭg.:* Vespere. En ĝardeno kaj salono « Harmonio »: Interkonatiĝa kunveno; iluminacio de la ĝardeno, kun koncerto de la Polica Muzikistaro. Donaco de standardo, farita de la membrinoj de « La Verda Stelo », al la Antverpena Polica Grupo Esperantista. — Balo.

*Sabaton, 4 Aŭg.:* 10 h. Supera Komerca Instituto (Aŭlo): Solena malfermo de la IVa Somera Universitato. Unuaj prelegoj. Hebrea diservo.
15.30 — 17.30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.
20.30: en la granda Festsalono de la Zoologia Ĝardeno: Solena malfermo de la Kongreso. (Galerioj rezervotaj al la publiko).

*Dimanĉon, 5 Aŭg.:* 9a h. Katolika Diservo en preĝejo S-ta Jozefo (Esperanta prediko). — Protestanta Diservo.
10a h.: Kunveno en la urba Parko.
10.30: Promenado tra la urbo kun tri aŭ kvar uniform-muzikistaroj. La promenado finiĝas je 11.30a antaŭ la urbodomo, en kiu tuj poste havos lokon la Oficiala Akcepto ĉe Urbestraro. — Subskribo de la Ora Libro de la urbo.
15.30 — 17.30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.
Vespere: Harmonia koncerto en Zoologia Ĝardeno.

*Lundon, 6 Aŭg.:* 9-12 h.: Somera Universitato (Supera Komerca Instituto): Prelegoj.
9-12 h.: Fakaj kunsidoj en Urba Normala Lernejo.
15-18 h.: Unua laborkunsido kun temo: Radio.
15.30 — 17.30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.
Vespere: Koncerto en la Flandra Operdomo.

*Mardon, 7 Aŭg.:* 10 h. Dua Laborkunsido kun temo: Universitatoj.
Posttagmeze: Malfermo de la VII-a Internacia Esperantista Blindulkongreso.
Vespere: Teatra reprezentado en Franca Operdomo.

*Merkredon, 8 Aŭg.:* Tuttaga ekskurso al Bruselo per speciala(j) vagonaro(j). *Aparte pagota.*
Vizito de la urbo. Oficiala akcepto en la urbodomo. Komuna tagmanĝo.
Vespere: veturado al Mechelen (Malines) por aŭskulti sonorilaran koncerton.
Akcepto oficiala.
Reveturo al Antverpeno.

*Ĵaŭdon, 9 Aŭg.:* 9-12: Prelegoj en Somera Universitato (Komerca Instituto).
9-12: Fakaj kunsidoj en Normala Lernejo.
15.30 — 17.30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.
15-18: Tria kunsido okaze de Jubileo de UEA.
Vespere: (Eventuale) Kongresa Festeno. Aparte pagota.
Kun koncerto orgena, kaj internacia koncerto. Programo kunmetota kun diverslandaj kantistoj kaj deklamistoj.

*Vendredon, 10 Aŭg.:* 9-11: Prelegoj en Somera Universitato (Komerca Instituto).
9-11: Fakaj kunsidoj en Urba Normala Lernejo.
11 h.: Dua Laborkunsido.
Tagmeze: Sonorilarkoncerto (Katedralo).
Posttagmeze: Ĝardenfesto kaj koncerto en la Parko.
Vespere: Granda Internacia Kostumbalo.

*Sabaton, 11 Aŭg.:* 11 h.: Solena Ferma Kunsido.
15.30. — 17.30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.
Vespere: Adiaŭa balo.

*Dimanĉon 12 Aŭg.:* Forveturo al postkongresaj ekskursoj.

***

— La kongresanoj ĝuos senpagan eniron en la Zoologian Ĝardenon.

— Tre verŝajne, ni akiros, ke la urbestraro organizos ĉiutage viziton al la haveninstalaĵoj. Ĉiun tagon povus partopreni 300 kongresanoj.

— La kongreskomitato organizos postkongresan vojaĝon kvintagan tra Belgujo. (Ostendo, Bruĝo, Gento, Namur, Dinant, Loveno, Liége, Verviers, Grotoj de Han.)

## LA PAĜO DE L'PRAKTIKULO

# Esperanto en Komerco

## Necesa Evolucio

de *André Baudet*, prezidanto de la Komerca Ĉambro en Paris.

En la nomo de UEA ni tutkore gratulas nian konatan samideanon S-ron André Baudet pro lia elekto al la alta prezidanteco de la Pariza Komerca Ĉambro kaj sekve de la kunveno de ĉiuj francaj komercaj ĉambroj. La tuta esperantistaro danke memoras ĉion, kion li faris por helpi nian aferon kaj tre atentos liajn konsilojn.

Esperanto taŭge montris siajn meritojn. Dank' al genio de sia kreinto, dank' al la obstino de tiuj, kiuj daŭrigis lian kreaĵon por la nobla celo fari netakseblan servon al la homaro, la internacia helpa lingvo ne estas plu konsiderata hodiaŭ kiel utopio, tiom multenombraj estas, en ĉiuj landoj, la eminentaj homoj de ĉiuj opinioj kaj ĉiuj profesioj, kiuj donis al ĝi konfirmon per aprobo prudenta kaj pravigita.

Kial do la disvastigo de la movado, kiu nediskuteble kreskas, estas konstatebla nur laŭ ia malrapido pri kiu plendas la apostoloj de Esperanto, senpaciencaj ili estas, ke la uzo de tiu lingvo estu tutmonde alprenita.

Por tion klarigi, oni ne devas forgesi, ke, en ĉiu nova eltrovaĵo, estas du fazoj : la ekkonigo de la ideo, kaj poste ĝia praktika apliko. La novaĵo povas profiti tiun aplikon nur se la ideo estas favore akceptita de la publiko. Tiu unua punkto estas jam de nun akirita al Esperanto.

Sed, por ke tiu eltrovaĵo akiru la praktikan uzadon, estas necese, ke tiu-ĉi estu alĝustigita al la bezonoj de la uzontoj, kaj, por ĉion diri, organizita tiamaniere, ke ĝi havigu tujajn servojn. La unuaj abonintoj al telefono povis esti kolektitaj nur malfacile, ĉar, en la komenco, la telefono kvankam juĝita de ĉiuj admirinda eltrovaĵo, povis interkomunikigi homojn nur malofte kaj aperis pro tio kiel utile uzebla nur post sufiĉe longa tempo.

Male, la Radioaparatoj estas jam de la komenco venditaj je granda kvanto, ĉar tia aĉeto havigis al la aĉetantoj tujan ĝuon de la dezirita servo.

Kio do mankas al Esperanto por realigi la movadon *amase*, kiu estas okazonta favore al ĝi ?

Mankas tiu ebleco por senprokrasta utiligo nure kapabla ekmovigi la homamasojn.

La unua generacio de Esperantistoj venke sukcesis la taskon disvastigi la ideon ; la nova generacio ŝuldas al siaj antaŭuloj, daŭrigante ilian agadon, enirigi Esperanton en la fazon de ĝeneraligita praktika apliko. Kiamaniere ?

Tiu demando estas solvita en la teknikaj konferencoj de Ĝenevo, Venezio kaj Parizo. Rezultis el tiuj gravaj manifestadoj, ke, en la medioj de la komerco, de la sciencoj puraj kaj aplikataj, de la turismo kaj ĝenerale en ĉiuj branĉoj de homa agemeco en kiuj Esperanto povas utili, oni devas klopodi por ĝin enkonduki.

La Komercaj Ĉambroj, la profesiaj sindikatoj, de post tiu tempo, estas sciigitaj kaj multaj ekonomiaj grupoj montris veran intereson por la internacia lingvo.

En Francujo, la Pariza Komerca Ĉambro estas petita de la Komercaj Ĉambroj en Orléans, Elbeuf kaj Le Havre delegi unu el siaj membroj por klarigi per publikaj Konferencoj la laborojn kaj la dokumentaron de tiu kompanio pri tiu demando.

Mi estis delegita ĉiufoje al tiuj tri urboj, kaj mi eksciis, ke, kiel konsekvenco de tiuj konferencoj, kursoj estas organizitaj ĉu en la Komerca Ĉambro, ĉu en la komercaj lernejoj.

La propagando ankaŭ multe disvastiĝis ĉe la specimenaj Foiroj kaj oni povas diri ke la ideo, iom post iom, enŝoviĝas en la rondojn de la komercistoj.

La ideo, jes.

Sed la praktika apliko ?

En Francujo ni pensis ke tiu-ĉi devas akompani la disvastigon de la ideo.

Jen kial estas fondita la Asocio Esperanto kaj Komerco, kies celo estas utili al komercistoj kaj industriistoj per tiu rimedo : Esperanto.

Apud tiu-ĉi kaj de ĝi subtenita fondiĝis anonima Societo kiu, por komenci, kolektis malgravan kapitalon (25,000 frankojn.) Ĝi estas nomita Helpa Societo por Komercaj Aplikoj de Esperanto.

Kion povas fari tiuj organizoj ?

Unu propagandas en la komercaj rondoj kaj altiras la atenton de la fomercistoj kaj industriistoj al la profito util igi Esperanton. Alia metas tuj siajn servojn je ilia dispono kontraŭ ia pago.

La pagitaj servoj, kiujn tia societo povas havigi estas la jenaj :

1. Esperantaj kursoj por komercistoj per korespondo.
2. Traduko de leteroj, cirkuleroj, organizo kaj efektivigo de anoncado en Francujo.
3. Sciigoj komercaj pri kredito.
4. Enkasigoj.
5. Aĉetoj aŭ vendoj maklere, reprezentado.
6. Enketoj kaj teknika dokumentado.

Mi estas konvinkita ke, se ekzistus *en ĉiu lando* unu simila organizo, direktita de esperantistaj komercistoj, la interŝanĝo de servoj faritaj per Esperanto rapide plinombriĝus kaj ankaŭ la nombro de la personoj utiligantaj la internacian lingvon.

Plie tiu-ĉi trafinte ĝeneralan intereson la Ŝtatoj estus devigataj okupiĝi pri ĝi, organizi ĝian instruon kaj baldaŭ ili utiligus ĝin kiel oficialan helpan lingvon.

Estus, efektive, vane klopodi por trudi Esperanton por tiu celo, tiel longe kiam ĝi ne estos pli disvastigita kaj pli utiligita. Male, kiam ĝi estos sufiĉe ĝeneraligita per la uzado, ĝi sin trudos mem.

Ni tiel estos plenumintaj nian rolon, konigante al la homaro genian elpensaĵon, kiu, laŭ tio kiu ofte okazas, estis je ilia dispono kaj kiun ili malzorgis profiti.

Tiam la memoro pri Doktoro Zamenhof ne nur restos vivanta en la koro de la esperantistoj de lia generacio ; ĝi mem staros sur ĉiuj ĉefaj placoj en ĉiuj urboj de la tuta mondo kaj trudos sin al la admiro kaj dankemo de la estontaj generacioj.

---

**Piednoto.** — Estas ja la celo de UEA ebligi la praktikan uzadon de Esperanto donante la adresojn de siaj delegitoj en 1500 lokoj de la mondo. Kelkaj el ili jam sukcese organizis la servon de tradukado de leteroj por komercistoj. En grandaj urboj kiel Parizo, Berlino, Londono, Barcelono ktp. oni trovas sufiĉe da esp. komercistoj por interesiĝi pri rektaj negocaj servoj.

